# Esperanto — Rok — Fangazeto

# ROK-gazet'



THE FABULOUS TROBADORS



SHADOWFAX



TEAM'



FAMILIA ROKFOTO

Eldonas
EUROKKA
F-31450 DONNEVILLE

NUMERO 5
Jaro 1993




Rok-Gazet' n-ro 5

*Administration-rédaction / Administrejo/redaktejo:*
Rok-Gazet' c/o EUROKKA
F 31450 DONNEVILLE
Tel. +33 61 81 95 65

*Directeur de publication / Eldondirektisto:*
Floréal MARTORELL

*Rédacteur en chef / Ĉefredaktoro:*
Bertrando ALBAULT

*Rédacteurs / Redaktora stabo:*
*FLO*
Marcelo REDOULEZ
Bertilo WENNERGREN
Rikardo CASH
ONO Takao
Bertrand CARETTE
Vladimir SOROKA
Bertrando ALBAULT
Patrick de FMR
Satan
Jaume GAUDAS
Marcelo REDOULEZ
Ionel ONET
Gerardo ROLLIN

*Saisie / Enkompuligo:*
Bertrando
Bertilo
Marcelo
RoKo

*PAO / EKE:*
RoKo
Philippe GERLAND

*Tirage laser / Laserprintado:*
Philippe GERLAND
d-ro André ALBAULT

*Secrétariat / Sekretariado:*
Sylvie

*Dessins / Desegnoj:*
Thomas
MAX
Niko VOLOŜIN
Kruela DEVIL'
Ancxjo

*Photos / Fotoj:*
Flo MARTORELL
Yves BARAT

*Maquette / Enpaĝigo:*
Flo
RoKo

Ekspedo
Soizic, Christophe
Paskal, Stephan

*Imprimerie / Presejo:*
CRYSTAL CREATION
F 31450 DEYME

*Distribution / Disdono:*
Associations espérantistes / Esperantistaj asocioj

*Dépôt légal à parution*
*Commission paritaire en cours*
*Édité par / Eldonas:*
EUROKKA Esperanto-Rok-Asocio
F 31450 DONNEVILLE





*Abono: 4 numeroj por*

*26 IRKP aŭ 100 FRF*
*35 NLG*
*20 USD*
*16 EKU*
*Por netranspagipovaj landoj:*
*13 USD aŭ 18 IRKP*

*Anoncetoj: Ĉiu linio kostas 6 FRF, 2 NLG, 2 IRKP*


# Oh Fikcia Plaĉado

Kvankam la espa rokmuziko ne alportas multajn novaĵojn nuntempe, *Rok-Gazet'* pli kaj pli plaĉas, pli kaj pli legiĝas.

En tiu ĉi numero vi trovos novajn rubrikojn kaj fikcion sub formo de novelo inspirita de artikoloj de la antaŭa numero.

Tra la novaj rubrikoj mi provos paroli pri minitela servilo nomita **"Esperanto"** kaj pri nova speco de ludoj permesantaj plej fantaziajn promenojn kaj fantastajn aventurojn.

Bedaŭrinde malgraŭ la ĉiam pligrandiĝanta kvalito de *Rok-Gazet'*, al ni ĉiam mankas abonantoj. Ĉu necesas rediri ke eĉ se esp-o-rokmuziko ne interesas lin, ĉiu sincera esperantisto devus posedi minimume kelkajn ekzemplerojn, ĉu por reklami pri la lingvo, ĉu por pruvi ke oni ne fantazias per utopia ludileto! Kaj tio funkcias: kiam oni parolas pri esperanto sufiĉas montri la gazeton aŭ foje eĉ nur la **Rokmuzikan Reton**.

Same, sufiĉis donaci kelkajn numerojn de *Rok-Gazet'* al iu fama profesoro **Umberto ECO** por ke li parolu favore pri esperanto en sia prelego pri lingvoj....

Krom ĉio tio, mi esperas ke ni havos ĉiam pli da materialo por redakti pli kaj pli trafajn numerojn de via preferata gazeto.

**— Bertrando**





**Pagmanieroj**

**IRKPoj** *(Internaciaj Respond-Kuponoj)*

**Bankkonto**
*EUROKKA (Asso Esperanto-Rock) B 15999 G 2206*
*N C 40247960 CL 10*
*CCM Toulouse St.-Agne*
*F-31400 TOULOUSE, Francio*

**UEA-Konto**
*kodo: Rokk-b*

**Landaj kotizperantoj**

**Argentino**
*Atilio ORELLANA-ROJAS*
*Argentina Esperanto-Asocio*
*C.C. 1428*
*RA-5000 CORDOBA*

**Aŭstralio**
*Libroservo de AEA*
*P.O. Box 230*
*AUS-2036 MATRAVILLE - N.S.W.*

**Belgio**
*Eldonejo Librejo Sonorilo*
*Doornstraat 22*
*B-2610 WILRIJK*

**Brazilo**
*Brazila Esperanto-Ligo*
*CX Postal 11-1105*
*BR-70084 BRASILIA - DF*

**Britio**
*EAB*
*140 Holland Park Avenue*
*GB-W11 4UF LONDON*

**Bulgario**
*Ilija ANDREEV*
*PK 120*
*BG-9700 ŜUMEN*

**Ĉeĥio**
*Ĉeĥa Esperanto-Asocio*
*(Junulara Sekcio)*
*Jilská 10*
*CS-11001 PRAHA - 1*

**Germanio**
*Baden-Württemberg Esperanto-Libroservo*
*Johan PACHTER*
*Zum Kräutle 8*
*D-W-7480 SIGMARINGEN-Jungenau*

**Hungario**
*Lingvo*
*Szolgaltato Iroda*
*PF 87*
*H-1675 BUDAPEST*

**Japanio**
*AKCP*
*Takao ONO*
*Kazigaya-tyo 43-8*
*Sakae-ku*
*J-247 YOKOHAMA-si*

**Kanado**
*Esperanto-Libroservo*
*Normand FLEURY*
*6358-A rue de Bordeaux*
*CND-H2G 2R8 MONTRÉAL - QC*

**Katalunio**
*Centro de Esperanto Sabadell*
*Apartat 407*
*E-08200 SABADELL*

**Novzelando**
*Gwenda SUTTON*
*12C Herbert Gardens*
*186 The Terrace*
*NZ- WELLINGTON - 1*

**Portugalio**
*Portugala Esperanto-Asocio*
*Rua Dr. João Couto N 6 R/C-A*
*P-1500 LISBOA*

**Slovakio**
*Stano MARČEK*
*Zvolenská 15*
*CS-03601 MARTIN*

**Rusio**
*Andrej ANANJIN*
*p/a Esperanto*
*a/ja 111*
*RUS-143006 ODINCOVO*
*Moskovskoj obl.*

**Ukrainio**
*Niko VOLOSIN*
*AK 26*
*UKR-263018 LUCK - 18*

**Usono**
*ELNA*
*POB 1129*
*USA-94530 EL CERRITO - CA*

# Enhavo



# FINFINE JEN ĜI!

**La apero de ĉi tiu 5a numero, la unua de la jaro 1993, estas substrekita de amaso da novaĵetoj, agadoj, kaj interesaĵoj.**

Mi ne plu parolos pri la regula apero de *Rok-Gazet'*, ĉar ĝi dependas, kiel vi jam scias, de la materialo kiun ni ricevas kaj de la mono kiu enkasiĝas. La antaŭa numero aperis dank' al la helpo de **Fondaĵo CARSON** en Kanado; tiu ĉi aperas dank' al la subteno de multaj el niaj legantoj kiujn ni tre dankegas, multaj respondis al nia alvoko.

Tamen multaj ne reabonis — verŝajne ili ne ŝatas tiun ĉi aĉan rokfangazeton. Kompreneble tio ne helpas, pro tio nia lasta alvoko daŭre validas!

Ni deziras speciale danki **Patrick LECLERC** de Vitry-sur-Seine, kiu gajnigis abonojn por junaj komencantoj kaj por netranspagipovaj landanoj. Se ĉiuj asocioj tion farus, ni eldonintus pli imponan *Rok-Gazet'*on.

Ni volas danki ankaŭ la **Minitelan Retservon "36 15 Esperanto"** kaj **"36 14 Ping"**, kiuj regule aperigas informojn pri EUROKKA, *Rok-Gazet'*, kaj **Vinilkosmo**.

Ni dankegas ankaŭ **ONO Takaon** en Japanio, kiu vigle laboras tie.

Ni lanĉas novan alvokon petante al ĉiuj perantoj kaj legantoj helpon por trovi reklamanoncistojn kiuj konsentus aperigi reklamon en *Rok-Gazet'*, ni serĉas gravajn muzikfirmaojn jen kiuj rilatas al muziko (instrumentoj, diskeldonejoj, sonstudioj, ktp....), jen kiuj pretus aĉeti reklamlokojn en *Rok-Gazet'*. Ni ne vidas alian solvon por vivtenigi *Rok-Gazet'*on. Ĉiuj ideoj, sugestoj, kaj proponoj tiurilate bonvenas.

Interesatoj povas peti de ni la reklamtarifon.

Tiu ĉi numero speciale malfruas pro nia partopreno en la *Prima de las Lengas* ("Printempo de Lingvoj"), grava kultura okazaĵo en Tuluzo.

Informoj alvenas al ni iom post iom, ilin vi trovos en **"Haste Klaĉe"**, aliaj rubrikoj naskiĝas, aliaj malaperas aŭ reaperas, aliaj estas aperontaj.

*Rok-Gazet'* fariĝas vivanta kaj neantaŭvidebleca kiel siaj kunlaborantoj.

Suspense, ĉu ne?

**— Flo!**



# MIDI-LANDO




## 2. Kio elsendas MIDI-signalon?

Ĵus aperis en Japanio **DCC900** de **Philips**, la unua produktaĵo de **DKK** (**diĝita kompakta kasedo**). Tio signifas ke komenciĝas nova epoko, en kiu batalos **DKK** kaj **MD** de **Sony**. Oni antaŭvidas ke **DKK**, **MD**, **DAT**, **KD**, kaj la ĝisnuna **analoga kasedo** kune vivos batalante inter muzikamantoj. Laŭ teknologia vidpunkto, la sono de **KD** kaj **DAT** elstaras inter ili, sed bedaŭrinde homaj oreloj ne povas distingi la diferencon de malpli bona sono de **DKK** kaj **MD**. La merito de analoga kasedo estas ĝia kosto kaj analogeco.

**DKK** ne rekte rilatas al la ĉi-numera temo, sed iusence ĝi fakte rilatas, ĉar la komuna baza teknologio estas sama, t.e. diĝita elektroniko. En ambaŭ okazoj aparatoj interŝanĝas ne sonon, sed anstataŭe diĝitan signalon kiu reprezentas analogan informon de sono, t.e. forteco, frekvenco, ktp. Ne temas ĉi tie pri la normo por **DKK**, sed por **MIDI**. En *Rok-Gazet'* n-ro 4, mi klarigis la eblecon kaj limon de la **MIDI**-normo, tre ĝenerale. Do, ĉifoje pli konkreta ekzemplo klariĝas: Kio en la privata studio de **La Mevo** elsendas **MIDI**-signalon?

### Klavaroj

Se vi puŝas klavon de **Korg-M1**, **Yamaha-SY99**, ktp, tiam sonas interna sintezilo, kaj vi aŭskultas sonon. Estas rimarkinde ke ĝi ne nur sonas, sed ankaŭ elsendas **MIDI**-signalon. Por ĝin elsendi, al vi sufiĉas nur konekti kablon. La formo de **MIDI**-konektilo estas difinita en la **MIDI**-normo. Ankaŭ rimarkinde, ke kelkaj klavaroj nomataj **"Mastro-klavaro"** fakte ne enhavas en si sintezilan parton, sed nur elsendas **MIDI**-signalon. Malmultekostaj klavaroj ne komprenas la nuancon de via ludado, sed la profesinivelaj, ekzemple, rekonas la fortecon de via ekpuŝo de klavo, sentante la rapidecon de la moviĝanta klavo. Klavar-elsendiloj estas la plej ordinaraj kaj tre diversaj, tial ili troveblas ĉe via najbara muzikil-vendejo.




**Yamaha SY-99**

### Gitaroj

**Yamaha-G10** estas la unuura **MIDI**-gitaro, sed bedaŭrinde ankoraŭ ne aĉeteblas en Japanio. Ĝi havas 6 kordojn samkiel ordinara gitaro. Sed strange, ili estas ĝuste la samaj kordoj kiel la tria kordo de elektraj gitaroj. Neniam ludu ĝin ne konektinte sintezilon, ĉar aliaj miskomprenos ke vi estas tre avangarda muzikisto. Se al vi necesas kodo kaj harmonio, do vi bezonas sintezilon. **G10** konektiĝas per iom dika kablo kun sia centro, **G10C**, kiu interpretas diversajn informojn en **MIDI**-signalon. La ses kordoj de **G10** povas havi samajn kaj malsamajn **MIDI**-kanalojn, kio utilas por *"CHO"*-ludo, ktp. Ĉar se ĉiu kordo havas la saman **MIDI** -kanalon, tiam ĉiuj ses notoj samtempe ŝanĝas frekvencon per *"CHO"*-ludo.

Alia tipo de gitar-elsendilo ekzistas. Tio konsistas el "orelo" kaj malgranda kesto, kiuj estas metitaj sur la antaŭa korpo de ordinara elektra gitaro. La "orelo" de la aparato aŭskultas la frekvencon de la efektiva sono el ses kordoj de elektra gitaro, kaj la centro interpretas ĝin en **MIDI**-informon. Oni povas facile miksi sonojn de elektra gitaro kaj de sintezilo konektita kun **G10C**. Tio estas merito de tiu tipo.




**Yamaha G-10**

Laŭ mia vidpunkto, la gitar-elsendilo ne sukcesas en la merkato, eble ĉar ĝi estas tute alia muzikilo ol gitaro. Gitaristoj malfacile povas esprimi nuancon de gitarludo per **MIDI**-gitaro pro la nematureco de la produktaĵo.

### Drumoj

La drum-elsendilo **Roland-SPD8** havas **MIDI**-elsendilon kaj sintezilon en unu korpo. Ĝia antaŭa panelo dividiĝas en ok kvadrataj gumpaneleroj, kiuj povas havi po malsaman **MIDI**-kanalon. Se vi frapas la paneleron per drum-bastonetoj, **SPD8** elsendas **MIDI**-informon tra la **MIDI**-kablo. Kompreneble ĝi rekonas la fortecon de via frapado, kaj variigas la **MIDI**-signalon laŭ via drum-ludo. Alie, ĝi ricevas **MIDI**-signalon kaj sonas per interna sintezilo, kiu posedas ne nur sonon de drumoj, sed ankaŭ de kelkaj aliaj melodiaj instrumentoj. Vi povas aranĝi ĉiun kvadratan gumpaneleron, ekzemple: *basdrumo*, *ĉarlestono*, *tamo*, *cimbalo*, ktp. La enhavata sintezilo ne estas **KD**-kvalita (t.e. 44,1-KHz, 16-bitaj), sed sufiĉas kaj utilas por koncertoj anstataŭ uzi grandajn drumojn.




**Roland SPD-8**



**Roland SPM-16, PD-11, PD-21, kaj PD-31**

**Roland-PM16** plus **PD11** (por *basdrumo*) kaj **PD21/PD31** (por *tamo*) konsistigas **MIDI**-drumsistemon. Kompare kun ordinaraj drumoj, ili estas maldikaj, kaj neniam bele nek verece sonas, sed nur elsendas **MIDI**-siganalon al la drumsinteziloj. Se vi estas drumisto, vi povas per la sistemo memorigi vian drumludadon per sekvenciloj, kaj kompreneble vi povas utiligi ĝin anstataŭ ordinarajn drumojn.



**QX-3 Diĝita Sekvencilo**

## Sekvencilo

Grandaj kaj malgrandaj, simplaj kaj kompleksaj, diversaj specoj de **sekvenciloj** ekzistas. Sed unuvorte ĝi devas esti memorilo kaj redaktilo de la **MIDI**-signaloj kiu ricevas kaj elsendas **MIDI**-informon. Tiusence ĝi troviĝas centre de la **MIDI**-instrumentoj. Sekvencilo laboras en viaj studio kaj koncertejo kiel unu el la ludantoj de muzikiloj. Ĝi ne nur ludas maŝine kiel teknostilo, sed ankaŭ homece, ĉar ĝi kapablas memori la nuancon de homa ludado, kaj eĉ aldoni homecon. Se vi estas sola kiel **Solo** aŭ mi, dungu sekvencilon en vian bandon.

## Multlinia surbendigilo

Ne dubu ke ordinara multlinia surbendigilo elsendas **MIDI**-informon. Temas pri sinkrono inter multlinia surbendigilo kaj la **MIDI**-aparatoj. La surbendigilo posedas vian voĉon, kaj la sekvencilo vian ludon de klavaroj, kaj vi nun deziras miksi ilin en **DAT**-maŝinon. Kion fari? Por tion fari, vi devas antaŭ ĉio surbendigi sinkron-signalon en unu el la linioj de la surbendigilo. Necesas interfaco kiu interpretas aŭdeblan analogan sinkron-signalon en la diĝitan **MIDI**-signalon, kaj ankaŭ renverse. De tiam, la **MIDI**-aparatoj, eĉ la sekvenciloj, sekvas sinkronite kiel sklavoj. Tiusence la multlinia surbendigilo estas nun la reĝo en **MIDI**-lando el la **MIDI**-aparatoj inkluzive de la sekvenciloj. Ĉiuj agadoj de la aparatoj sinkronas laŭ la signalo sur la bendo.

Ekzistas aliaj malpli simplaj manieroj por sinkroni aparatojn. Ili taŭgas ĉefe por pli preciza sinkrono aŭ pli perfekta rego, kaj por sinkrono kun video-aparatoj, kiuj traktas kelkdek bildojn en unu sekundo.

Ĉifoje mi prezentis kiel elsendas opaj **MIDI**-aparatoj. Ne nur muzik-aparatoj, sed ankaŭ aliaj aparatoj elsendas **MIDI**-signalon, sed mi ĉesas ĉinumere. Nun fakte en Japanio novaj surbendigiloj kaj diskigiloj interesas min, sed mi ne havas intencon detale mencii pri **MD** kaj **DKK**, ĉar ili ne ĝisfunde rilatas al **MIDI**. Baldaŭ mi skribos iom pri novaj multliniaj surbendigiloj: novaj 8-liniaj surbendigiloj kaj novaj 8-liniaj diĝitaj surbendigiloj.

Preĝu al via dio, ke denove presiĝos la literoj **"MIDI-LANDO"** sur iun paĝon de *Rok-Gazet'*. Ĝis!

**— Takao ONO, de La Mevo**

# KONKURSO!

La **Rozmariaj Beboj**, kiujn multaj jam konas, surbendigis novan franclingvan albumon (kasede kaj k-diske). El ĝiaj 13 titoloj, unu devintus esti en espo. Sed last-momente la produktisto **Willing Productions** decidis ne enmeti ĝin ĉar ili ne volis du versiojn de sama titolo en la albumo.

Kvankam la espa titolo ne troviĝas en la albumo, la tekst-libreto enhavas ĝin kun komentetoj. La **Rozmariaj Beboj** decidis donaci la jam surbendigitan espan titolon por la kompilaĵo kiun **Vinilkosmo** planas produkti (vidu la apudan ALVOKON).

Tiu ĉi dua albumo de la **Rozmariaj Beboj** haveblas en ĉiuj disk-vendejoj en Francio, kaj ĉe **Vinilkosmo** laŭ *Referenco* VKKD-6.

Sed memoru ke ĝi ne estas en espo!

Jen nia **KONKURSO**: sur la dors-kovraĵo de la tekst-libreto estas foto de la tuta "familio" de la **Rozmariaj Beboj**, inter ili estas pluraj espistoj.

1. Se vi trovos **Jomon**, la kantiston, vi gajnos ekz-eron de la unua kompil-disketo de **Vinilkosmo** (kun **Rozmariaj Beboj kaj Amplifiki**).
2. Se vi trovos ĉiujn tri rozmaribebanojn, vi gajnos kvarnumeran abonon al *Rok- Gazet'*.
3. Se vi trovos almenaŭ tri aliajn espistojn, vi gajnos la eldonotan kompilaĵon de **EUROKKA**.

Por partopreni tiun ĉi konkurson, vi devas sendi fotokopion de la foto sur la album-kovraĵo de la supremenciita disko, sur kiun vi cirklis la vizaĝojn de la espistoj kiujn vi pensis trovi.

Sendu vian respondon al EUROKKA antaŭ la 1-a de septembro 1993.

Por kiuj ne trovos la solvoJn, ni aperigos ilin en venonta *Rok-Gazet'* n-ro 6 !

# GRAVA ALVOKO !!

Alvoko al ĉiuj esp-asocioj, esp-organizantoj, espistoj, rokemuloj, populoj, muzikmaniuloj, simpatiantoj, ktp.

**Vinilkosmo** planas produkti gravan kompilaĵon, kaj kasede kaj kompakta-diske, kun dekkvino aŭ dudeko da espaj rok-, pop-, kaj folkobandoj. Ĉiu grupo elektita prezentos unu titolon kies daŭro estos maksimume 4-minuta, surbendigita ekskluzive por tiu kompilaĵo, do devos esti eldonita nenie alie.

**Vinilkosmo** vokas ĉiujn espajn rok-, pop-, kaj folkobandojn por partopreni tiun ĉi gravan eventon, kiu devus speguli la nunan muzikan kaj kulturan staton.

**Vinilkosmo** de nun serĉas financ-helpantojn por sukcesigi la projekton. Monsubtenoj, antaŭmendoj, subvencioj, ktp, bonvenegas se vi deziras la naskiĝon de la kompilaĵo.

Fariĝu partnero de tiu ĉi projekto. Sendu viajn reagojn kaj subtenojn al:

**Vinilkosmo**
**ĉe EUROKKA**
**F 31450 DONNEVILLE**
**Francio**

Vinilkosmo

# EVOLUO DE LA MUZIKPORTILOJ

**("Muzikportilo" estas ĉiu fizika ilaĵo sur kiun oni povas "skribi" kaj/aŭ "legi" muzikon: vinila disko, kasedo, laserdisko, ktp.)**

La teknika evoluo (mi propravole ne diras "revolucio") de la muzikportiloj devigos esperantomuzikon adaptiĝi je ĝi. Ni vidas ke de kelkaj jaroj la vinilaj muzikportiloj maloftiĝas (ĉefe en Eŭropo, Japanio, kaj Usono). Unue la **vinila disketo (45-RPM)** preskaŭ komplete malaperis, anstataŭata de la **kompakta disko (KD)**.



**Prahistoriaj vinilaj diskego, disketoj**

Nuntempe en diskvendejoj preskaŭ ne plu troveblas **diskegoj (LP)**; anstataŭis ilin la **KD**-oj (**laseraj kompaktaj diskoj**), kiel de tridek jaroj la **kasedoj** anstataŭis la **magnetofonbendojn**.

Sed tio ne plu sufiĉas, tio jam fariĝas eksteknikmoda; kaj por la tujaj jaroj novaj sistemoj pli kompaktaj (etaj) kaj pli alt-sonkvalitaj malaperigos la kasedojn kaj la **KD**-ojn. Estos interŝtupa periodo de kelkaj jaroj en kiuj troveblos en la merkato la diversaj sistemoj, sed tre rapide nuros la mini-kompaktaj sistemoj (miniaturaj muzikportiloj kaj iloj).



**Eksmodaj sonbendo kaj kasedo**

Dek jarojn post la fulma apero de la **kompakt-disko**, la du gigantaj elektronikaj firmaoj **Philips** kaj **Sony** lanĉas vetkuradon por anstataŭigi la kasedojn kiuj ne povas hodiaŭ alfronti la kvaliton de la laser-sono. Kvankam la kvalito de la kasedoj estis plibonigitaj (**metalo**, **fero-kromo**, **kromo**), ne eblas al la nunaj kasediloj/surbendigiloj efike elimini ĝisfunde la sonorajn neperfektaĵojn de tiuj analogaj kasedoj.

La laserdisko (**KD**) restituas multe pli fidindan sonon ĉar ĝi venas el **kodita fonto per ciferoj**; tio estas la **diĝita sono**. **Sony** kaj **Philips** alportas solvojn por kapti la lasersonon.

1. **Sony** per **mini-disko** (miniatura disko), kiu estas kompakt-disketo surbendigebla (kiel kasedo). Ĝi estas iom pli malgranda ol la **KD**-eto (6,4 cm diametre kontraŭ 8 cm por **KD**-eto kaj 12 cm por **KD**). **Mini-disko (MD)** enteniĝas en plasta ingo same kiel komputika disketo. La granda novaĵo estas ke eblas surbendigi senlime muzikpecojn jen el **KD**-oj jen el radio. Por tion fari estas bezonata diskilo/surbendigilo granda kiel promen-kasedilo elpensita por la **MD**, sed bedaŭrinde neakordigebla kun la aliaj du **KD**-formatoj. **Sony** disponas jam katalogon de proksimume tricent listeroj de albumoj de diversaj artistoj. Tri aparatoj estas surmerkatigitaj en Eŭropo (verŝajne ankaŭ en Japanio kaj Usono): mini-diskilo/surbendigilo), simpla minidiskilo (sen ebleco surbendigi), kaj aŭto-radio-**MD**.

2. **Philips** per **DKK (diĝita kompakt-kasedo)**, tio estas magnetokasedo por diĝita surbendigo. Tiu kasedo aspektas kiel la aliaj, ankaŭ la kasedilo, sed ĝi ludas kaj surbendigas ("legas" kaj "skribas") la novajn **DKK**-kasedojn. Tiu kasedilo kapablos ankaŭ sonigi la aktualajn "eksmodaj"n kasedojn surbendigitajn analoge, sed ĝi ne povos ilin surbendigi, same kiel la diĝitaj kasedoj ne povos esti aŭskultataj per tradicia kasedilo. Tuj kiam la kompakt-disko aperis, la gigantoj de la alt-fideleco (*Hi-Fi*) volis alporti al la publiko la diĝitan



**Laserdiskoj: KD, KD- eto, minidisko (MD)**

surbendigadon.

**Sony** lanĉis sin en la vetkuradon kun la **DAT (Diĝita Aŭd-Bendo)**; tiu materialo estas uzata nur de sonprofesiuloj en studioj pro la kosto de la kasedilo (pli ol 1 000 ekuojn). **Philips** serĉis solvon por konstrui novan kasedilon malpli kostan ol la **DAT** de **Sony**. Tiel **Philips** sukcesis krei tiun novan **DKK**-kasedilon kapablan legi kaj diĝitajn kaj analogajn kasedojn kaj surbendigi la diĝitajn. La **DKK** estas multe pli fortika ol tradicia kasedo: ĝia ingo havas feran protektilon por ke la bendo ne difektiĝu. Tiu ingo protektas la bendon ankaŭ de varmego kaj ŝokoj (por aŭto- kaj promen-kasediloj).

Antaŭ la fino de la jaro **Philips** surmerkatigos tri **DKK**-kasedilojn alt-fidelajn kaj dum la venonta jaro **DKK**-promen-kasedilon kaj aŭto-radion. Pli ol 500 albumoj estis jam eldonitaj **DKK**-e, jen klasikaj jen pop /



**Evoluo de la sonportiloj**

rokaj, kaj estos disponeblaj antaŭ oktobro 1993.

Grava batalo eksplodas inter **Sony** kaj **Philips**. **Sony** vetas por la minidisko surbendigebla, komplete nova teknologia koncepto kiu forpuŝos definitive la magnetan analogian sonportilon, kaj jam minacas la **KD**-on profite al promen-kompakt-diskilo kiu multe pli malgrandas. **Sony** ne lanĉis la **DAT** grandskale ĉar ĝi estis malkovronta tiun pli efikan muzikportilon.

**Philips** vetas por la **DKK** surbendigebla diĝite, ĉar la kasedo eniris la kutimojn de la muzik-konsumantoj. La **DKK** estas samkvalita kiel la **DAT** kaj **Minidisko** de **Sony**.

Post unu jaro tiuj novaj aparatoj (minidiskilo, **DKK**-kasedilo) kostos ĉirkaŭ 250 ekuojn, dum la **MD** kaj **DKK** kostos same kiel la **KD**.

Ĉu tiuj du novaj muzikportiloj travivos post la batalo? Ĉu unu el la du malaperos? Kiun elektos la konsumantoj? Sur kiuj muzikportiloj surbendigos estonte la esperantaj rokbandoj kaj kio aĉeteblos en Esperantio? Ĉu




**MD kaj MD-legilo**

kasedoj? Ĉu **KD**-oj? Ĉu **minidiskoj**? Ĉu **DKK**oj?

Ĉiukaze ni povas jam diri ke **vinilo** estas pasinteco, ĉar ĉiuj esperantaj muzikgrupoj forlasis ĝin por aperigi nur **analogajn kasedojn**, kaj de tri jaroj kelkaj eĉ elektis **KD**ojn.

Restas nur la espero ke la vinilaj stokoj elĉerpiĝos antaŭ ol malaperos la "antikvaj" diskturniloj. Ni profitos ankoraŭ dum kelkaj jaroj de la malnovaj sonportiloj, kaj




**DKK (diĝita kompakta kasedo)**




**La ujoj**

ankaŭ kelkaj jaroj por vidi kaj taksi kiun el tiuj du novaj metodoj estos pli taŭgaj por porti la esperantajn muzik-produktaĵojn.

Antaŭ ol aperigi esperantan muzikon sur **MD** aŭ **DKK**, la esperantaj muzikgrupoj daŭrigu eldonante ĉu kasede ĉu kompakt-diske, sed tamen ili estu atentaj: la evoluo de la tekniko estas multe pli rapida ol tiu de la esperantistaro.

**— Floréal MARTORELL**





MUZIKA ESPERANTO-LIGO

MUZIKO

Organo de MEL
FONDITA EN 1963






# TEAM' EL SLOVAKIO

**Rok-Gazet':** Ĉu vi unue povas prezenti la muzikistojn de Team' kaj kia estas ilia rolo en la grupo?



**Team':** La front-viro kaj la "plej brila stelo" estas **Pavol HABERA**. Li estas "la Kantisto", cetere lastatempe li faris plurajn sukcesajn iniciatojn ankaŭ ekster la grupo: eldonis du proprajn solajn diskegojn, ĉefrolas en filmoj, komponas muzikon al tiaj steluloj kia ekz-e **Karel GOTT**. Vivajn koncertojn li tamen faras nur kun Team'. Krom la kantadon li sukcese komponas kaj brile ludas gitaron (parte klavarojn kaj perkut-instrumentojn).

La vera animo de la grupo estas **Dušan ANTALIK**: muzika ĉefo de la grupo, la iniciatinto de la tuta projekto, la ĉefa motoro. Komponisto, aranĝisto, gitaristo, diablo. Cetere la plej bona lernanto dum la esperanto-kurso kiun dufoje frekventis la tuta grupo. Nun ankaŭ li preparas solo-projekton, propran diskegon bazitan sur roka gitaro kaj majstra aranĝ-arto.

Plia komponisto en la grupo (Team' ludas kaj ĉiam ludis nur propran muzikon) estas **Milan DOČEKAL**. Klav-instrumentoj, komponado, aranĝado, iam, antaŭ la alveno de Pavol, li estis la solo-kantisto. Similan ilon (klavarojn) stiras plua membro de la grupo, **Bohuŝ KANTOR**. Ambaŭ klavaristoj preparas nun solo-projektojn, tamen ĉiu pri io tute alia. **Bohuŝ** posedas propran "kameran" studion, kie krom Team'a muziko naskiĝas TV-reklamoj, radio-sonsignaloj, muziko por filmoj, kaj ankaŭ por teatraĵoj, fabeloj por infanoj, ktp....

La membroj de la grupo posedas ankaŭ pli grandan sonstudion, kie registris Team' sian kvaran diskegon kaj nun preparas la kvinan. La studion uzas jam ankaŭ pluraj aliaj grupoj. La posedantoj de "la granda studio" (**Team Sound Studio**) estas **Dušan** kaj **Milan**.

Sed ni daŭrigu en la prezentado de la ceteraj membroj: **Ivan MARČEK** ludas la perkut-instrumentojn, kaj **Ivan VALEK** la basgitaron. Tiuj du membroj (dume) ne komponas, kaj kunkantas nur la lasta.

**Rok-Gazet':** Mi do komprenas ke vi posedas proprajn studiojn, kies servojn eluzas ankaŭ eksteraj interesiĝantoj pri registrado. Ĉu tiujn servojn povas eluzi ankaŭ esperantistoj?

**Team':** Jes, nature. En niaj bone ekipitaj studioj povas realigi muzikajn (aŭ aliajn) registraĵojn ankaŭ esperantistoj, sub faka gvidado de spertaj homoj. La interesiĝantoj povas kontakti la manaĝeron: **Stano MARČEK, Zvolenská 15, 036 01 MARTIN, Slovakio**, telefono kaj fakso **+42 (842) 37145.**

**Rok-Gazet':** Kiaj estas la kondiĉoj por surbendigi en la **Team'a sonstudio?**

**Team':** Do fakte ne estas iuj fiksaj tarifoj, estas afero de interkonsento. Dependas de la proponoj en diversaj periodoj, ni devas pritaksi ĉiujn unuopajn proponojn.

Ankaŭ estas grava afero ke en nia studio laboras membroj de Team' kiuj estas spertaj muzikistoj; ili scipovas produkti muzikon laŭ mendo aŭ aparte prilabori simplan muzikon, simplajn proponojn. Se ekzemple venas iu muzikisto kun baza melodio kaj volas havi imponan komponaĵon, la knaboj scipovas tion fari.

Eblas ankaŭ komponi muzikon en la studio mem helpe de klavaroj kaj komputiloj, per kiuj, kiel vi certe scias, oni povas miraklojn fari, eĉ tutan orkestron (eĉ simfonian).

Sufiĉus ke muzikisto venu kun nur la muziknotoj por surbendigi.

**Rok-Gazet':** Per kiu materialo vi laboras en la studio?

**Team':** Nuntempe ni havas du magnetofonojn Tascam 24- kaj 8-trakajn. Krome ni havas unu **Diĝitan** 12-trakan. Ni laboras ankaŭ per **MIDI**-sistemo kiu ebligas kupli la diversajn magnetofonojn, tio donas multajn pliajn eblecojn en la surbendigado kaj miksado.

**Rok-Gazet':** Ĉu vi ne timas ke via studio malhelpos kaj konkurencos **Pigo-studion** en Svedio?

**Team':** Ni pensas ke ne, la mondo estas granda.

Cetere, ĝuste nun surbendigis ĉi tie s-ro **Joachim GIESNER**, esperantisto el Germanio; li eldonos kompakt-diskon kaj kasedon pri slovaka folkloro.

**Rok-Gazet':** De kiam **Team' muzikas?**

**Team':** De 1980. Fondis ĝin kvar membroj: **Dušan, Milan**, kaj la du **Ivanoj**. Profesie Team' ludas de 1987. De la komenco la grupo ludas nur koncerte, do por aŭskultanta publiko (ne por danc-amuzoj, kvankam dum koncertoj oni foje dancas).

**Rok-Gazet':** Ĉu estas la sama nomo de la komenco?

**Team':** La nomo Team' estas de la komenco. La grupo



**Pavol aŭtografante**

formiĝis tamen el tri amatoraj grupoj: **Troll, Electra,** kaj **Midd.** Tiuj tri grupoj provludadis en komuna klubejo. Ĉar ĉiuj tri grupoj estis malriĉaj, ili per komunaj fortoj konstruis komunan aparataron kaj alterne ludadis. Sur la enirpordo tiam pendis papero sur kiu estis skribita la horaro, en kiuj tagoj kaj en kiuj horoj kiu grupo provludas. Tute hazarde oni skribis en kvar linioj la vortojn *Troll, Electra, A* ("kaj"), *Midd.* Atentema rigardo ne povis ne rimarki la komencajn literojn kiuj (hazarde listitaj) formis la vorton *"team"*, kiu havas internacian signifon, inkluzive en la slovaka. Post disfalo de la tri bandoj, iliaj ĉefaj motoroj decidis formi bandon novan. Neniu el ili hezitis pri la nomo. Tiun ja formis la hazarda koincido kaj la bela tradicio en la kvar literoj. Kvar membroj de la iamaj grupoj alprenis la kvar literojn kiuj portis en si ion belan, kunligan, amikan, sportecan....



**Duŝan gitare**

**Rok-Gazet':** Ĉu estas do la samaj muzikistoj de la komenco?

**Team':** Jes, la kvar fondintoj restis, sed allogis du aliajn (**Pavol, Bohuŝ**), por riĉigi la gamon de voĉoj kaj sonoj.

**Rok-Gazet':** Kiuj ŝanĝiĝoj estis en la grupo kaj en kiuj periodoj?

**Team':** Post sep jaroj da ekzisto la grupo eksentis la bezonon inviti al la grupo novan kantiston, ĉar tiu "posteno" simple vakis. Preskaŭ samtempe venis ankaŭ la dua klavaristo **Bohuŝ.** Krom ĉi ŝanĝiĝo (persona) okazis nur unu: post la apero de la unua granda disko foriris la drumisto **Ivan MARĈEK.** Li ne eltenis la financan mizeron en la jam populariĝanta grupo kaj preferis fariĝi – fajrobrigadisto. Por trovi bonan anstataŭanton, **Team'** faris konkurson kaj el dek aliĝintoj elektis junan, bonan drumiston. Lia nomo estas **Erich SIEGEL.** Li registris kun **Team'** la duan kaj trian albumojn kaj ludis kun la grupo du jarojn, ĝis kiam tamen revenis **Ivan MARĈEK.**

**Rok-Gazet':** Rakontu ankoraŭ iom pri la historio kaj vivo de la bando.

**Team':** Jam de la komenco la membroj havis grandajn ambiciojn: fariĝi bona kaj fama grupo kun propraj koncertoj, fanoj, diskoj, ktp. La membroj simple kredis ke tio okazos kaj faris ĉion por tion atingi. La motoroj eltenis kaj la vaporŝipo atingis la havenon. Jam dekomence la membroj okupiĝis pri esperanto, kaj la unuan koncerton ili faris, ankoraŭ kiel amatora grupo en 1981, antaŭ internacia esperanta publiko dum **Konferenco de Junaj Esperantistoj** en Dolny Kubin (organizis ĝin la nuna manaĝero **Stano MARĈEK**). Tiu esperanta koncerto, kiun vizitis ankaŭ ges-roj **Giorgio SILFER kaj Perla MARTINELLI**, aperis ĉe **LF-Koop,** sur *Esperanta Songazeto* n-ro 2 en 1983. En Dolny Kubin naskiĝis la ideo jam eldoni diskon en esperanto. La planojn tiam interrompis dujara (!) deviga soldatservo de Team'anoj. Post la reveno, la grupo daŭrigis en la preparoj kaj konstruis novan projekton, kaj la vorto **"Team'"** sur la enlanda rokmuzika scenejo elvokis ĉiam pli grandan aprezon: plenaj koncertejoj, sukcesa albumo, furorkantoj, venkado en festivaloj kaj enketoj. Sekvis la dua, tria, kvara diskegoj, du solo-diskoj de **Pavol** (sume do ses albumoj, ĉiuj sur disko, kasedo, kompakt-disko), sume vendiĝis pli ol miliono da ekzempleroj. La grupo krom pri laboroj en radio, televido, kaj studioj, okupiĝas precipe pri vivaj koncertoj (meze cent koncertoj jare, aŭskultantoj po inter mil ĝis ok mil).

**Rok-Gazet':** Ĉu de la komenco la muzikstilo evoluis. Kiun muzikstilon ludas **Team'** nuntempe?

**Team':** Ni ne tre ŝatas tiujn "skatoletojn". Ĉiu aŭtoro kaj muzikisto dum sia vivo ensorbis iustilajn muzikerojn kaj vole-nevole uzas ilin por esprimi tion kion sentas aŭ volas diri per la muziko li mem, sed ĉu vere oni parolu pri stilo? La gitaristo inklinas al klasika roka gitaro. En la grupo estas pluraj influoj kaj dum la (kolektiva) aranĝado de la muziko aperas iu rezulto, kiun ĉiu toleras se ne ĝuas. Eble ni parolu pri modera, melodia roko (sed ĉu ekz-e la gitaro ĉiam estas modera kaj melodia, mi dubas). Certe ankaŭ la stilo de la grupo evoluas, sed pritaksu aŭ karakterigu ĝin prefere iu de ekstere.

**Rok-Gazet':** Rakontu pri via muziko. Kion vi volas sentigi al la spektantoj kaj aŭskultantoj? Pri kio temas la tekstoj ĝenerale? Ĉu ili estas en esperanto?

**Team':** Sur niaj diskoj aperis ĉ. 80 diversaj kantoj. Ne eblas ĝeneraligi ke ni volis diri per la muziko tion aŭ tion. Aŭskultante kaj ĝuante bonan muzikon la aŭskultanto travivas sentojn kiujn oni ofte ne povas priskribi, kaj ne ĉiam ripetiĝas la samaj sentoj ĉe la sama melodio. La aŭtoro kaj ankaŭ la interpretisto travivas siajn sentojn, enverŝas siajn muzikajn imagojn kaj sentojn en la muzikon; ankaŭ la poeto kiu verkas la tekstojn faras sian laboron. Ne eblas ĝeneraligi, temas ja pri arto. La tekstoj ofte temas pri amo, knabinoj, travivaĵoj, iom da poezio, filozofio.... Ĉiu kanto estas verko multfaceta, originala. Koncerne la vivajn koncertojn – ni klopodas ke koncerto estu evento kiu allogos amasojn kaj ke tiuj trovos tion kion ili deziras kaj por kio ili pagis: amuzon, bonan muzikon, la tipan koncertan rokan etoson kun ĉiuj teknikaj mirakloj kiujn ni kapablas realigi.

En esperanto ekzistas nur la tekstoj de la unua albumo (de **SILFER** kaj **MARTINELLI**) plus kelkaj el la dua (la planita eldono de dua disko en esperanto ne realiĝis).



**Pavol**

**Rok-Gazet':** Krom la manaĝero, ĉu aliaj membroj de la grupo estas esperanto-parolantoj?

**Team':** La kvar "malnovaj" membroj frekventis esperanto-kursojn. Restis do iu kono, precipe **Duŝan** kaj **Milan** pasive regas la lingvon (kun **Duŝan** ni iam babiletas esperante, dum niaj aŭtomobilaj vojaĝoj).

**Rok-Gazet':** Ĉu de la komenco **Team'** koncertis multe?

**Team':** Jes. **Team'** komencis sian karieron per vivaj koncertoj kaj al tiu "filozofio" ni restis fidelaj. La viva kontakto kun la publiko estas kvazaŭ plugado de la tero. Post bona kaj ofta plugado (almenaŭ plurfoje jare) venas bona rikolto. Antaŭ nelonge ni faris la 660an vivan koncerton.

**Rok-Gazet':** Antaŭ kiuj publikoj?

**Team'**: "Nia" publiko estas sur la tuta teritorio de la iama Ĉeĥoslovakio (do nun: Ĉeĥio kaj Slovakio). Tiujn du landojn ni do regule "plugas" per niaj koncertoj. Lastatempe meze cent koncertoj en unu jaro. Tio signifas ke ekz-e dek tagojn ni koncertas kaj dudek tagojn ripozas aŭ okupiĝas pri aliaj aktivaĵoj.

**Rok-Gazet'**: Kiom ofte vi koncertis antaŭ esperanta publiko?

**Team'**: Malofte. Fakte nur kelkfoje. Krom la menciita esperanta koncerto en Dolny Kubin, menciindas nur la koncerta turneo en 1989: UK en Brajtono, IJK en Kerkrade, kaj SAT-Kongreso en Illertisen. Malgraŭ niaj pluraj iniciatoj, ni ne sukcesis trovi interesiĝantojn pri viva esperanta rokmuziko. Verŝajne esperantistoj, pli bone dirite organizantoj de esperanto-aranĝoj, ne interesiĝas pri rokmuziko. Almenaŭ ne pri la nia.

**Rok-Gazet'**: Kia estis la reago de la esperanta publiko? Kial vi ne koncertis en Vieno en la UK?

**Team'**: La reago de esperantistoj estis surprize pozitiva. Multaj homoj en la publiko kunkantis kun ni, konis niajn kantojn. La organizantoj de la pluaj UKoj ne akceptis nian sinproponon (Vieno estas nur 30 km de Bratislava!).

**Rok-Gazet'**: Ĉu Team' estas fama grupo en Slovakio?

**Team'**: Onidire (ankaŭ laŭ plej multaj enketoj), la plej populara, en la tuta iama Ĉeĥoslovakio. Asertas tion ekz-e la plej prestiĝa ĉeĥoslovaka enketo *Zlaty Slavik*



("Ora Najtingalo"), el cent konkurantaj grupoj, Team' gajnis la unuan premion en 1989, 1990, kaj 1991. En 1991, en kategorio de kantistoj (denove konkuris cent kantistoj), venkis **Pavol HABERA** (kantisto de Team') antaŭ **Karel GOTT** kaj naŭdek ok aliaj. Niajn koncertojn vizitas statistike plej multaj vizitantoj.... Tio estas rezulto de statistikoj, kvankam povus aspekti kiel fanfaronado.... Pardonu.

**Rok-Gazet'**: Krom la kasedo *Ora Team'*, ĉu vi eldonis aliajn esperantajn rokproduktaĵojn? Kiu produktis ilin?

**Team'**: En esperanto ni eldonis nur la menciitan. Pri aliaj niaj aktivaĵoj, ni ne renkontiĝis kun interesiĝo flanke de la esperantaj eldonantoj (pluraj proponoj al **UEA**, **LF-Koop**, ktp.).

**Rok-Gazet'**: Ĉu la eksperimento estis bona? Rakontu ion pri la traduko de la tekstoj, surbendigo de la kantoj, ktp.

**Team'**: Jes, la eksperimento estis interesa. La tekstojn majstre reversis **Giorgio SILFER** kaj **Perla MARTINELLI**, kiuj venis al la diĝita studio de **OPUS** en Bratislava, kie la registrado okazis, kaj mem ĉeestis la registradon. Bona etoso, agrabla medio. Nun ni jam posedas du proprajn studiojn kie ni povus realigi pliajn registraĵojn. Mankas nur – la interesiĝo flanke de esperantistoj. Cetere, tiu *Ora Team'* paralele aperis ĉe **LF-Koop** kaj ĉe la eldonejo **OPUS**. La lasta ĝin distribuis tra kutima reto de (neesperantaj!) vendejoj, magazenoj, ktp. Multegaj fanoj aĉetis tiun esperantan kasedon en la kutimaj (tiam ŝtataj) vendejoj, estis ja kuriozaĵo! En Ĉeĥoslovakio, kompreneble.

**Rok-Gazet'**: Kiun opinion havas la grupo pri la esperantistaro? Kiujn spertojn vi havas rilate al ĝi?

**Team'**: Bonan. Dum la esperanta turneo en 1989, ni travivis tre belajn momentojn. Ni renkontis interesajn homojn, bone (relative) organizitajn kongresojn, la Team'anoj proprahaŭte spertis la etoson de la esperanto-aranĝoj, pere de esperanto vidis landojn kiujn tiam ni ne povis simple viziti (ja tiam furiozis ĉe ni ankoraŭ komunismo). Estis bela starto, post kiu venis – vakuo. Kaj iom post ioma seniluziiĝo, forgeso. Domaĝe.

**Rok-Gazet'**: Ĉu vi pensas ke esperanto povas helpi rokmuzikon kaj la rokgrupojn? Aŭ ĉu vi pensas ke rokmuziko povas helpi esperanton?

**Team'**: Ni kredis tion, sed perdis la kredon. La realo instruis al ni ke la esperantistaro estas tro malgranda popolo por povi helpi rokmuzikon (doni al ĝi la eblecon por almenaŭ vivi), eble sur amatora bazo jes.... Ni eble "elkreskis" el la esperanta pantalono, eble nia projekto estas tro granda por malmultaj kaj ne tre amasaj esperanto-aranĝoj (nia "civila" projekto estas ja konstruita por plurmila aŭskultantaro, pluraj kamionoj da teknikaĵoj, ktp). Niaj nacilingvaj diskoj aperas en centmilaj eldonkvantoj, tiu *Ora Team'* onidire (precizan nombron ni bedaŭrinde ne scias) en la eldonkvanto – 500 ekzempleroj! Ni faris kun LK-Koop kontrakton ke por la unuaj 500 ekzempleroj ni rezignas pri honorarioj (por helpi la eldoniston), nur poste venos la tantiemoj – kaj ĝis nun ili ne venis....

**Rok-Gazet'**: Kiel la muzikistoj de la grupo travivas la profesion?

**Team'**: Ni ĉiuj opinias ke temas pri interesa, bunta vivo. Ni vivas "je periodoj". Estas tempo de komponado kaj trejnado, aranĝado kaj registrado, do laboro en trankvila medio. Poste venas koncertaj turneoj. Freneza vivo en hoteloj kun koncertejoj, fan(in!)oj, floroj, aŭtografoj, policistoj, longaj aŭtovojoj.... Renkontiĝoj kun interesaj homoj, redaktoroj, kolegoj. Longaj vesperoj kaj hotelaj matenoj, fortiĝanta sopiro pri la hejmo kaj la familio.

**Rok-Gazet'**: Kiujn malfacilaĵojn havas la manaĝero?

**Team'**: Li devas ĉion ĉi plani kaj organizi, kontroli, partopreni, kalkuli, fakturi, telefoni, faksi, sed ankaŭ stiri, zorgi pri la reklamado, la strategio.... Kompreneble aperas multaj obstakloj, malfacilaĵoj, sed kiu ne havas ilin, ĉu ne?

**Rok-Gazet'**: Kion laŭ vi (bonan kaj malbonan) alportos sendependeco por Slovakio kaj Ĉeĥio?

**Team'**: Ĉiuj en la grupo (kaj ĉiuj normalaj homoj, nia-opinie) bedaŭras tion kio okazis. Denove iu manipulis la popolojn, faris ion kion la homoj ne deziris. En la tempo kiam la pli saĝaj foriĝas la limojn kaj doganejojn, ni starigas ilin. Absurdaĵo, el kiu neniu (krom kelkaj unuopuloj al kiuj tio alportos personan gajnon, ekz-e ministerian seĝon) povas profiti, nur perdi. Ni ĉiuj, eĉ dum la koncertoj, batalis kontraŭ tiu ĉi absurdaĵo. La unuajn malfacilaĵojn ni baldaŭ eksentos: Ĉeĥio ja fariĝas por ni eksterlando, kaj vi povas imagi kiom da burokrataĵoj ni devos venki, veturante tien por koncerti!




# GRANDA MALKROKODILADO

Ek de la monato marto, nova aktiveco startis ĉe sidejo de **JEFO**: *Tutesperanta Sabato.* (Efektive, ŝajnus ke la kutimo tie plenus je krokodilado!)

Tio okazas ĉiun kvaran sabaton ek de la dekkvara horo ĝis matena sunleviĝo.... La regulo estas simpla: oni ne parolu france. Krom vizitantoj, kompreneble.

Jen la programo:

- Marto: Prezentado de la principoj de rolludoj *Dungeons & Dragons* ("Ĉefturoj* kaj Drakoj"), *Mega* (franca rolludo tra la universoj), enkonduko al ludo *Cthulhu-Alvoko* (inspirita de la verko de **H.P. LOVECRAFT**), preparado de la personoj kun propraĵoj kaj karakterizaĵoj) por la partio de aprilo.
- Aprilo: Partio de *Cthulhu-Alvoko.* Partio (t.e. ludado de kompleta scenario) daŭrante plurajn horojn, la kutima fermohoro (20a) estis plencerte preterpasita! Efektive la unua foririnto devis forlasi la ludon je la deka vespere por hejmenreveno al provinco. La partio mem finiĝis je la unua matene kaj lastaj amikoj klaĉadis ĝis la tria matene! La publiko ne ludanta, eĉ krokodilanta, estis kore invitita, kondiĉe ke ili ne ĝenu la ludantojn. La ludo fariĝis komplete en esperanto.
- Majo: La sama partio de *Ktulu-Alvoko*..., por novaj ludontoj ne ĉeestintaj en aprilo.

Ĉiuj informoj kaj komunikaĵoj pri tiu temo peteblas en la minitela grupo "ROLISTOJ" sur la franca **TELE TEL**-reto: tajpu: **3614 kodo PING *ESPERANTO**, malfermu leterkeston, kaj enskribiĝu en la grupo "ROLISTOJ".

Se rolludoj pli ekscitas vian scivolemon, mi volonte pli etendiĝos pri la temo en *Rok-Gazet'*.

* en la angla signifas ankaŭ "karcero, forgesejo"




## Esperanto tra Minitelo:

En Francio, jam de kelka tempo, minitela servilo fariĝis kutima renkontejo por esperantistoj. Pli rapida ol poŝto, kaj eventuale eĉ malplikosta (eblis al mi ricevi pli ol dudek mesaĝojn de pluraj malsamaj personoj, ofte plurpaĝaj, por eĉ ne la prezo de unu letero) tiu servilo permesas sendi saman mesaĝon al pluraj korespondantoj aŭ eĉ al tuta grupo. Ĝi nomiĝas **Ping Pong**, kaj oni povas ĝin atingi dumaniere:

- Plej ekonomie tra **Teletel 3614 kodo PING** (de po 0,12 FRF ĝis po 0,36 FRF minute, same kiel por telefono samurba, sed vi povas dialogi tra tuta la land'.)
- Subtene tra la kosta **3615 kodo ESPERANTO** (po 0,98 FRF minute).

**PING** estas servilo tradukita en kvar lingvoj (*angla, itala, franca*, kaj *esperanta*). Tiu traduko koncernas kompreneble nur la paĝojn de la servilo mem, ne la mesaĝojn de la uzantoj. Mia bedaŭro estas ke la servilo ankoraŭ ne kapablas la ĉapelojn, eĉ ne ĉiujn naciajn supersignojn (kaj mi ne parolas pri la kapabloj de la miniteloj mem, iuj permesantaj nur majusklojn!). Komputo-




ro kun taŭga mensvaro multe helpas al optimuma uzado de minitela servilo.

**PING** donas informojn pri esperanto, pri la movado; kaj enhavas kalendaron de la okazaĵoj en Francio.

**PING** posedas leterskatolan systemon kun jarlibro kaj listo de la diversaj grupoj (ĉirkaŭ 160). Inter ili almenaŭ 30 estas esperantistaj grupoj inter kiuj noteblas: "Esperanto" (la ĉefgrupo, pli ol cent enskriboj), "JEFO", "Kurso", kaj, por fini, "Rolistoj" pri kiu ni paroletas ĉi apude. Grupo permesas al personoj kunigitaj de sama intereso debati pri koncernaj temoj, sendante la saman mesaĝon en unu fojo al ĉiuj membroj de la grupo kaj legante ĉiujn mesaĝojn senditaj al la koncernita grupo.

Ĝis nun ekzistas neniu grupo "EUROKKA", nek iu ajn grupo koncernanta ĝin, aŭ *Rok-Gazet'*, aŭ tutsimple rokmuzikon, almenaŭ esperante. Se tio okazos, aŭ se vin interesus pliaj informoj pri tio, ni skribos pli pri tiu temo. Same se simila telematika organizaĵo troveblas en alia lando ol Francio, ni ŝatus tion scii... kaj se estus eblecoj por konekti ambaŭ retojn, tio komencus iĝi interesa!

Mia leterkesto sur **PING** estas: **Bert**. Bone notu **Bert** kun *Bo* majuskle kaj la ceteron minuskle! (Se vi skribus ĉion majuskle, vi trafus iun alian kiu estis tie antaŭ ol mi!) Eblas transdoni al mi artikoletojn por *Rok-Gazet'* kiujn mi povos rekte transpreni dank al mia komputoro. En tiu celo anstataŭigu la ĉapelojn prefere per **x** sekvanta la ĉapelotan literon kaj uzu **ù** anstataŭ **ŭ** (aŭ se ne eblas: **w**); tio permesos al mi reŝanĝi ilin al taŭgaj literoj por ĉiuj rekaptitaj tekstoj samtempe.

Se vi deziras rekte dialogi kun aliaj esperantistoj, ĉiun merkredan vesperon ekde la deka kaj duono multaj el ili retroviĝas tie !

Ĝis baldaŭ !

— **Bert (Bertrando)**

# Reporteraĵoj



# LA ROKA ŜTATO 93

**En Francio okazas tre vigla aro da muzikaj renkontiĝoj, ĉiu pli-malpli ligita al specifa urbo. Ekzemple, Rennes (rigardu maparon) posedas *Transmusicales*, Bourges la *Printemps de Bourges*, Belfort sian *Eurockéennes*, Cannes la *Midem*, La Rochelle sian *Francofollies*, St.-Malo la *Route du Rock* — kaj Montpellier la *État du Rock*, la "Rokan Ŝtaton".**

Kvankam ĉiuj el tiuj okazaĵoj komune celas diskonigon de muziko kaj de vivaj spektakloj, tamen ili ĉiuj funde kaj forme sufiĉe malsamas – kio ja finfine donas al ili ilian ĉarmon kaj altirforton. Ili bezonis plurajn jarojn por akceptiĝi ne nur de la publiko, sed ankaŭ de la profesiuloj, kiuj nun multe profitas. Necesas senĉese lerni de siaj sukcesoj kaj malsukcesoj por sin remodeligi, transformi, progresigi – en mondo kie facile forfalas tiu kiu antaŭ ses monatoj adoratis. Tias la spektakla mondo.

La **Roka Ŝtato** ne povas eviti ĉi regulon. Ĉijare denove ĝi celis ankoraŭ pliigi sian atingopovon, des pli ke lastfoje ĝi ne brilis pro amasa ĉeestantaro. Kutime programita por marto, ĉijare ĝi antaŭenpuŝitis al februaro, laŭdire por akordi kun la turneo de **Noir Désir**, ĉefa allogaĵo de la okazaĵo.

Origine, ĝi nomiĝis *Les États-Généraux du Rock* ("Ĝeneralaj Statoj", leĝfara reprezentantaro en antaŭrevolucia Francio), sed ĉifoje ĝi perdis kaj sian pluralecon kaj eĉ sian ĝeneralecon, fariĝante sola kaj nura **Roka Ŝtato**.

l'état du ROCK93




**MONTPELLIER les 25, 26, 27 et 28 Février**

Jen do la sesan fojon, de la 25a ĝis la 28a de februaro, urbo Montpellier transformiĝis kelktage je la centra scenejo de rokenrolo.

Kvar tagoj da muziko, debatoj, renkontiĝoj, kaj festado en urbo trafrostigita, kiun ne sukcesis varmigi tamen malavaraj sunradioj de suda Francio. Samtempe kun la unuaj gitarnotoj de la festivalo de **Death Metal**, falis la unuaj neĝeroj.... Amuzis la elnordaj venintoj facile rekoneblaj pro tio ke ili portis ledan jakon plejofte sur simpla to-ĉemizo kaj estis instalitaj sur la kafejaj terasoj, dum la suduloj, enpeltigitaj en peza mantelo kun koltuko surnaze, senhalte haste paŝegis, dirante je ĉiu ajn okazo: "Kiom glaciaĉas!" Jen renversita mondo – kio perfekte konformas al la komplikaj formoj de la roka publiko.

En serena kaj malstreĉa etoso malfermiĝis la granda "Meso", pere de inaŭgura regalo sekvita de du spektakloj. La unua ĉe **Mimi la Sardine**, kun tri grupoj de la sendependa eldonmarko **Labelle et Tais-Toi**: **La Marmaille Nue**, **Java Bleue**, kaj **Docteur Knock**. La dua ĉe **Rockstore**, kun tri reprezentantoj de **Rosebud**: **Swam Jouan Swam**, **Welcome to Julian**, kaj **Induraïn** senaverte anstataŭanta malsaniĝintan **Katérine**.

La **Roka Ŝtato** plu fidelis sian kutimon lasi plejgrandan programparton al sendependaj kaj duonsendependaj eldonejoj. Krom la du suprecititaj, ankaŭ **Blue Silver**, **Tabata**, kaj **Cobalt** partumis sabaton.

La ĉefloko, la ĉefaltaro troviĝis ĉe **Rockstore**, kie oni kutime povas taksi la temperaturon de la venantaj festaĵoj. Kaj ĉi magia loko ankoraŭfoje pruviĝis bona termometro. Veninte amasa por ĉi unua vespero, la publiko invadis ankaŭ ĉiujn aliajn aranĝojn, kie la biletoj kvazaŭ elĉerpitis. Eĉ la **"Roka Bazaro"**, kiel ĉiam sub cirka tendego ĉe Place des Arceaux, depost sia kreo neniam vidis tiomajn ŝvitantojn.

La koncertoj apenaŭ interkarambolis – eblis ĉion vidi kaj aŭdi. Kaj por iri de unu aranĝo al alia, sufiĉis preni la tiucelajn senkostajn aŭtobusetojn. Al tio aldoneblas la modesta enirprezo, 400 FRF (60 EKUojn) por kvartaga abono, kaj nekomforta sed senkosta gimnastikejo por ŝirmi la monmalhavantojn de la vintraj rigoroj. Oni devus doni poentojn al la festivaloj, kiel al hoteloj....

Nenio eksterordinara rilate la muzikan programon – jen vaste partumita opinio. Neniu ekskluzivaĵo kiu sola meritintus nian partoprenon – **Noir Désir** aktuale turneegas tra tuta Francio.

La oportuno tro tentis al la mallaŭdantoj de la **Roka Ŝtato** aŭdigi sin – kaj legigi sin dank' al la samizdata apero de foliaĉo *La Ĉiutaga Pirato de la Roka Ŝtaĉo*, de kiu ni prenas pimentaĵon:

> "Ankoraŭ unufoje ni povas nur aplaŭdi la superŝutan originalecon de la oficiala programo de la granda Zenita vespero de ĉi **Roka Ŝtato 93**. Kiuj ne sukcesis aprezi Noir Désir en 1991 povos sereniĝi: oni servas la restaĵojn ĉijare. Se vi persistos, vi havos la ostojn en 95 kaj la cindrojn en 97...."

La **Granda Zenita Vespero** preskaŭ katastrofis. Elĉerpita de post semajno, tiuvespere tamen restis 500 disponeblaj lokoj ĉegiĉete. 500 biletetoj por 1500 personoj amasiĝintaj antaŭ la pordoj ekde la 18a horo. La hordo muĝis. La placo de **Zénith** estis semita de vitraj boteloj pli pistitaj ol rompitaj. Kolera homamaso estas kiel alfluanta tajdo. Kaj okazis la neevitebło: unua perforta eniro, sekvita de dua kun helpo de la jam ensukcesintoj. La pordolukoj diseriĝis, la sekurbarieroj forfaldiĝis, kaj la larmiga gaso lanĉita de la superŝutitaj sekurecagentoj pikis la okulojn kaj iritis la gorĝojn. Oni kredus revenon de la jaroj 60aj – mankis nur rango da ŝtatpolicistoj.

La organizantoj do ekdecidis enpermesi ĉiujn. Krom materia damaĝo, estis nur kelkaj vundetitoj: la tragedio evititis.

Aliaj kunpuŝiĝoj okazis la morgaŭon ĉe la koncerto de la **Têtes Raides** kaj la **Tontons Flingueurs** ĉe **Mimi la Sardine**, sed multe malpli gravaj.

La prelegoj, renkontiĝoj, kaj debatoj pli trankvile okazis ĉe **Forum**. La diskutataj temoj rimarkeblis la samaj kiel pasintjare – kaj ankaŭ la respondoj. Kiam estis. Tamen, la granda demando restas ĉu ĉi grandiozaj



**NOIR DESIR**

renkontiĝoj iel vere progresigas la aferon – dubata de multaj. Unu pozitivaĵo por la ĉirkaŭtablaj diskutoj de vendredo: ili montriĝis pli "homaj" ol la plenasembleoj kaj Forumo. Ankaŭ bona okazo por ĉiuj renkontiĝi inter du debatoj ĉe kafo, ĉar oni vere sentis la mankon de centra renkontiĝejo.

La dua renkontiĝa punkto de la festivalo estis la **Roka Bazaro** – ekspoziciejo por ĉiuj kiuj rokumas ĉiutage: bandoj, asocioj, fanzinoj, eldonejoj..., kaj ve, oni povas nur konstati ke ĉi **Roka Bazaro** nivelis pli regiona ol nacia. Oni do demandas: kie troviĝis la budoj de ĉiuj tiuj belvortuloj en la prelegoj? Unununura eldonejo veninta de la ĉefurbo (lastjare du): **Houlala-Bondage**, kaj la neevitinda budo de EUROKKA, kiu prezentis **Vinilkosma**ĵojn kaj *Rok-Gazet'*ojn. La **Diska Konvencio** same malriĉis kaj ŝajne kunigis nur rabatistojn kaj lokajn sendependajn diskvendetistojn. Bonŝance, la amika etoso, kun diversaj demonstroj kaj scenejo malfermata al la ekspoziciantaj grupoj, donis al la loko tiun etan ion kiu malinstigas onin foriri.

Jen kelkaj rimarkoj rikoltitaj dum la **Roka Ŝtato**:

La drumisto de **Thugs** ĉe **Zénith**: "Oni ne faras rokan koncerton en salono ne farita por tio."

La **VRP** ĉe **Zénith**: "Do, vi ludis kvazaŭ per ludbloketoj kun **Zénith**? Ne gravas, estas kiĉokaĉa pretkonstruaĵo: Ĝi ne celas longdaŭri."

Aŭdita ĉe koncerto de **Death Metal**: "Nu, nu, miaflanke mi preferas **Jimi Hendrix**."

La servistino ĉe **Mimi la Sardine** (koncerto elĉerpita): "Poste eblos manĝi. Atendu ie en angulo."

Parolonto antaŭ sia prelego: "Sed kion vi volas ke mi rakontu?"

Aŭdita en drinkejo: "Mi volis sekvi trarektan vojon, sed mi kromfaraĉis cent kilometrojn en la veprejo."

Ankoraŭ en drinkejo: "La hotelo situas aliflanke de la ĉefstrato. Ni bezonis horon por alveni."

Daŭre en drinkejo: "Kion vi vidis hieraŭ, ĉu?" – "Mi? Mi ne memoras."

En **ĉiuj** drinkejoj: "Unu glason da, mi petas."




**— Patrick de Radio FMR**

**(traduko: RoKo)**




# ĴOMART kaj NATAŜA

## "La ĉiama trobadordueto"

Tute hazarde mi eksciis ke **Ĵomart AMZEJEV** kaj **Nataŝa GERLAĤ** aperigis novan kasedon. Mi vere miris ke ni ne ricevis recenz-ekzempleron en la redakcio de *Rok-Gazet'* – ni ne povus aperigi tiun ĉi 5an numeron sen prezenti tiun novaĵon. Do mi tuj telefon-vokis matene al Ĵomart, kiu dormis – kompreneble, noktaj birdoj dormas matene, ĉiuj el ni scias tion, ĉu ne? Finfine mi parolis kun Nataŝa. ["Saluton, mia amikino"]

Kelkajn tagojn poste alvenis pakaĵeto kun la petita materialo.

Vi ĉiuj sendube konas jam niajn famajn kazaĥajn trobadorojn, kiuj migris al Svedio, kaj vi certe havas en via kolekto la disketon *Somera mondo*, eldonitan de **Melodija** (eks-Sovetio) en 1989, kaj la kasedojn *Debuto en eksterlando* eldonitan **Lingvo-Studio** (Hungario) en 1989 kaj *Folioj de mia memoro* eldonitan de **Eldona Societo Esperanto** (Svedio) en 1990.

Ekde nun vi povas aldoni tiun ĉi novan kasedon, nome *Vi kuras de vi*, kiun eldonis **Edistudio** (Italio).

Aŭskultante ĝin unuafoje, du aferoj frapis min:

• La unua estas ke tuj oni sentas tra tiuj ĉi kantoj melankolion kun iom da tristeco, eble eĉ soleco.

Ĉu tio ne estus nostalgio pro tro fora naskiĝlando sen reveno? Mi jam sentis similan impreson en *Folioj de mia memoro*. Mi dubas ke kulpas nur la stilo de nia dueto. Eble mi eraras, sed tion sentigas al mi tiu ĉi albumo.

• La dua estas ke la titoloj "Ni perdas unu alian" kaj "Mi sopiras" estas malsamaj versioj de "Vi estas nura ŝanco mia" kaj "Mi sopiras" aperintaj kiel gastaj titoloj en la kasedo *Ĉu ne?* de **Amplifiki**.

Aŭskultante la du versiojn de tiuj du titoloj, oni klare povas konstati ke la sola akompana akustika gitaro ne havas sufiĉe da pezo en la versioj de *Vi kuras de vi*; laŭ mi, mankas muzik-aranĝo. ["Pri gustoj oni ne diskutas"]

La akompana muziko, preskaŭ ebena, emfazas tiun melankolion kaj tristecon naskiĝanta en oni.

Akustika gitaro sola fariĝas monotona. Nur iom da perkut-instrumentoj kaj basgitaro donus ritmon kaj pliviviĝus la pecojn; kelkaj gitar- aŭ klavar-korusoj alportus koloran varmon; tiam la muziko ne plu akompanus la tekstojn, sed reliefigus ilin.

Tion Ĵomart kaj Nataŝa sukcesis fari en la du titoloj en *Ĉu ne?* Kial diable ne en tiu ĉi? ["Mi ĉiam vin atendas"]

Mi vere atendos tion de ilia venonta albumo, kiun ili certe jam estas pripensantaj. Mi esperis tiun ŝanĝon en tiu ĉi last-aperinta, kiu tro similas al la antaŭa – ĝi fariĝas ĝia logika daŭrigo. ["Mi sopiras"]

La tekstoj kaj voĉoj tre belas en la melodioj, kvankam la muziko magras. Kiam oni aŭskultas iun kanton, unue oni atentas pri la tuto (muziko kaj melodio ligitaj al la kanto) – tio donas la unuan impreson. Nur poste



oni atentas pri la tekstoj kaj ilia enhavo. Eventuale, por fini, oni sukcesas kunkanti kaj fariĝas fano, aĉetanta ĉiujn diskojn kaj spektanta ĉiujn koncertojn.

Pro tio, la unua impreso tiom gravas – multaj homoj fidas ĝin, kaj ĝi donas al ili emon fari la pluajn paŝojn.

Ĵomart kaj Nataŝa havas bonegan atuton por tion sukcesi – ili regas majstre kaj belege la kantadon. Iliaj voĉoj instigas veran emocian etoson kaj kuniĝas en kompleta harmonio. Sole aŭ duope, oni restas sub ilia ĉarmo.

En tiu ĉi albumo niaj trobadoroj superis sin mem.

Pri la tekstoj mi ne tro parolos, ĉar, karaj legantoj, mi volas lasi al vi malkovri ilin – mi diros nur ke ili estas anim-statoj. Ĉiuj tekstoj estas verkitaj jen de Ĵomart, jen de ambaŭ, krom unu verkita de **Ljudmila JEVSEEVA**. La daŭro de tiuj ĉi 13 titoloj atingas preskaŭ 40 minutojn, kaj tekst-libreto akompanas la kasedon. ["Malgranda miraklo"]

Sed kial do nur Ĵomart aperas sur la foto de la kased- kaj tekst-libret-kovrilo? Ĉu Nataŝa tiom belas? Aŭ ĉu ulinoj rajtas labori nur en la ombro? Mi esperas ke tiu forgeso kaŝas ion bonan!

Alia forgeso nepardonebla – sed mi vetas ke tio venas nek de Ĵomart nek de Nataŝa (ili ne kapablus tion forgesi!) – neniu indiko videblas pri la surbendigado, kaj tio tre gravas, ĉar sen ĝi ne ekzistus la kasedo. Ĉu tio ne estas grava detalo?

Fakte, surbendigis ĝin **Pigo (Vladimir SOROKA)** en la tielnomata kaj jam fama **Pigo-Studio**. La rezulto estas bonkvalita – la **Pigo** brile sukcesis starigi profesian sonstudion. Tio mankis ĝis nun, kaj de nun ne plu tolereblos fuŝaj espo-muzikaj produktaĵoj. *Vi kuras de vi* pravigas tion, kaj se vi ne kredas min, provu aŭskulti ĝin.

Kaj tiuj kiuj ŝatis la antaŭajn albumojn de Ĵomart kaj Nataŝa ne bedaŭros akiri ĝin. ["Adiaŭ, amik', adiaŭ"]

**– Flo!**

*Vi kuras de vi* haveblas ĉe **Vinilkosmo** (EUROKKA), laŭ referenco VKK16.

---




## • Reflugas La Mevo.

**La Mevo** – tio estas **ONO Takao**. Kaj tio ĉi estas vere unuopula spektaklo!

Jam la duan kasedon, *Bluo*, li faris preskaŭ tutsola. Ĉe nur kelkaj pecoj lin helpis amik[in]o Micu, jen ĉe piano, jen ĉe sinteziloj. Krome, ĉion faris Takao – li verkis la kantojn, komponis la muzikon, kantis ĉiujn partojn, ludis ĉiujn instrumentojn – ĉefe sintezaj, cetere –, kaj eĉ faris la merkatadon.

Ĝis nun, Takao multe helpas sin per sinteziloj kaj komputiloj. Vi komprenos tion se vi legos liajn artikolojn en *Rok-Gazet'* pri **MIDI**-iloj (eĉ en jena numero). Tio povas esti bona elekto por kiu emas labori sola, kiel **La Mevo** kaj **Solo**, por povi mastri ĉiun elementon. Sed, almenaŭ laŭ mia orelo, sinteza muziko sonas ĝuste tia – sinteza –, kaj malhavas la varman, intiman sonon de natura – akustika – instrumento.

Tial, tiu ĉi nova kasedo, *Vizaĝoj*, kvankam ĝi multe similas la unuan laŭ la muzika stilo, ŝajnas iom malpli sintezila, iom pli akustika – ĉu Takao uzis verajn instrumentojn, ĉu li utiligis plikvalitajn sintezilojn, oni nefacile povas distingi.







ONO Takao

Muziko Klavaroj Teksto Servencilo Kanto Fotoj Gitaroj Kaj ĉiuj aranĝoj

Dankon pro viaj subtenoj:
ONO Jumiko
MICUJAMA Joŝiro
INOUE Nobuko
KIRIJA Hiroaki
MACUURA Mikio






Mi esperas ke vi havos la tekst-libreton. Ĉar, bedaŭrinde, vi scias ke oni ofte malfacile komprenas kanto-tekstojn, eĉ en sia propra lingvo – kaj des pli kiam temas pri nedenaska lingvo, eĉ nia klarega espo!

La voĉo de Takao ne estas malplaĉa – ĝi estas naza flutvoĉo kiu impresas naiva. Sed iom malforta, kaj ne ĉiam klara super la muziko. Krome, Takao havas ĉiujn tipajn japanajn prononc-misojn: problemojn ĉe [r] kaj [l], flustritajn [i] kaj [u], nazalajn vokalojn kian [õ], ktp. Normalas, kaj tio estas parto de la ĉarmo. Mi plendas nur pri la preskaŭ sistema misakcentado sur la lastan silabon – tute evitebla per plizorga tekst-verkado.

La muziko estas simpla facilritma popmuziko, kun amaj kaj sociemaj temoj. La ses eroj ("MonAVIDA", "DuonINFANA", "VerBELA", "KunESPERA", "Nikola KOLA", kaj "NeniEBLA") distros vin dum 20 minutoj.

*Vizaĝoj* haveblas (kun tekst-libreto) ĉe **Vinilkosmo**, laŭ referenco VKK-17.

**– RoKo**

# "SHADOWFAX" kaj ESPERANTO

Antaŭ kelkaj semajnoj ni ricevis surprizan informon el Usono: iu tiulanda bando nomita **Shadowfax** eldonis albumon titolitan *Esperanto*!

Pri kio temas? Ĉu nova grupo kantanta espe? Ĉu vera espa grupo, aŭ ĉu nur papagoj? Ĉu tiu bando iom konatas Usone, monde? Kial ni neniam aŭdis pri ili antaŭe? Kian muzikon ili faras...?



Nenion sciante, sed dezirante ĉion scii, ni skribis al la **ELNA**-oficejo, esperante informojn de ili. **Ionel ONET**, la direktisto, afablege sendis al ni ekzempleron de tiu ko-disko, sed havis neniun plian informon. Bonŝance tamen, sur la ko-disko mem troviĝis ilia adreso en Kalifornio, do mi ekskribis al ili en tiu alia internacia lingvo – tiu kiun oni uzas en Usono.... Kaj ili rapidege respondis, kun tri aliaj ko-diskoj kaj pluraj afiŝoj! Kaj jen kion mi sukcesis lerni pri **Shadowfax**.

La bando formiĝis en 1974, en Ĉikago, kun **Chuck GREENBERG**, **Stuart NEVITT**, kaj **Phil MAGGINI**, kun po diversaj aliaj artistoj ĉe ĉiu albumo. *Esperanto* estas ilia **naŭa** eldonaĵo. Ili evoluis de ĉikaga bluso al ilia nuna speciala variaĵo de **"mond-muziko"**.

Se mi devus unuvorte esprimi la impreson donitan de ilia muziko, tiu vorto estus ***etera***. Jen la muziko de la sferoj. Nemirinde de grupo kies nomo, **Shadowfax**, venas de la magia ĉevalo de **Gandalf** en la fantasta ĉefverko *Sinjoro de la Ringoj*.

Kaj ilia rilato al espo? Mi lasos paroli **Chuck**:

"**Shadowfax** ĉiam estis bando kiu provas disrompi la muzikajn limojn kaj kunigi malsamajn muzikajn formojn kaj instrumentojn de la tuta mondo. Ni neniam volis kategoriiĝi ĉe nur unu muzik-speco. Nia muziko adoptas de *roko*, *ĵazo*, *klasika*, *akustika*, *elektra*, kaj *etnaj* elementoj de malsamaj kulturoj. Ni provadis kombini ĉion ĉi por evoluigi muzikon kiu ĉiel esprimas translimajn sentojn. Ni kredas ke muziko estas uzebla por disrompi barilojn inter homoj. Tial ĉi, ni kredas ke *Esperanto* estas perfekta titolo por tiu ĉi disko, kaj metaforo por tio kion ni provas muzike fari."




Kvankam ili uzas la vorton ***esperanto*** metafore, ili ŝajne bone scias kio espo vere estas. "Bedaŭrinde", diras **Chuck**, "neniu el la bandanoj parolas ĝin."

Tamen, ili ne estas papagoj – ĉar ilia muziko estas ekskluzive instrumenta. Kaj kiaj instrumentoj – neimageblan miksaĵon de sintezaj kaj akustikaj instrumentoj ili uzas – de ventosintezilo **WX-7**, samplilo **Ensoniq EPS** kaj **EPS 16+** , moduloj **Kawai XD-5** kaj **K4**, **Korg M-1**, ktp, ĝis horizontala piano, soprana saksofono, ĉilia, hinda, kaj afrika flutoj, kastanjetoj, gamelanoj, kendango, ktp, ktp, ktp!

Kaj okazas magio: la unuavide malsamecegaj elementoj perfekte kunplektiĝas en granda harmonio, fariĝas unuecega kohera tuto.

Do ĝi estas vere *Esperanto*.

Ili kontakteblas ĉe:

**Shadowfax**
**P.O.B. 2525**
**USA-93423 ATASCADERO - CA**

**– RoKo**



# En Diskeldoneja ĝangalo

## ROKMUZIKA SITUACIO EN HISPANIO

### » la nepoj de la civila milito estas rokuloj «

***"Ni estas la nepoj de la laboristoj kiujn vi ne sukcesis mortigi..., de tiuj kiuj perdis la civilan militon."*** Jena teksto de Evaristo, kantisto de **Polla Records**, reprezente ekzemplas grandan parton de roka muziko en Hispanio. Multo okazis depost la feliĉa tago kiam mortis **Franco**. Libereco (ankaŭ de esprimado) naskiĝis en Hispanio samtempe kun la ĉiondetrua plago de punka muziko – kaj aperis nombraj kreitoj kiaj **Kortatu, Eskorbuto, MCD, RIP, Zer Bizio...**, kiuj multiĝis kaj ne ĉesas disariĝi tra la tuta duoninsulo. Multaj daŭras ankoraŭ hodiaŭ, kiel **Polla**, hardkora (*hardcore*, ekstremroka) punka bando kies teksta acido kaj voĉa ciniko iel memorigas bonan **Jello Biaffra**. Ili anas la nemultajn grupojn distribuataj ankaŭ en Francio (albumo *Donde se habla* de **Bondage**), kaj eldonatas en Hispanio de **Oihuka**, inter la unuaj sendependaj diskeldonejoj, kiuj ludigas ankaŭ **MCD, Baldin Balda**, kaj **Tijuana in Blue**.

**Kortatu**, mita eŭska punka bando disiĝis antaŭ kelkaj jaroj. Aktivaj separatistoj, ilia punka skamuziko kantatis jen kastilie, jen eŭske. Du iliaj membroj formis unuarangan **Negu Gorriak**. Ili kantas precipe eŭske pere de elektra kaj potenca ekstremroko (aŭskultenda). Ili ricevas sukcesegon kaj participas kun multaj aliaj grupoj festivalojn kaj manifestaciojn favore al eŭskaj politikaj malliberigitoj, aŭ kontraŭ kapitalistan imperialismon. Ilian muzikan stilon konkuremas, laŭ radikala rokstilo, **E.H. Sukarra** kaj **Sutagar**, duone inter ekstremroko kaj rapidega metalroko (*speed metal*) – kaj ĉiuj troviĝas ĉe eldonejo **Ezan Ozinki**. Notindas ke la dua albumo de **Negu Gorriak** distribuatas en Francio ĉe **Mélodie – le Silence de la Rue** (franca turneisto **Patchanka**), kaj ke ili troveblas en la kompilaĵo *Pogo avec les loups* (ĉe **On A Faim!**), kontraŭ la celebrado de 500 jaroj da indiĝena masakrado en Ameriko – kaj kie troviĝas alia hispania bando, **Acme**.



**Negu Gorriak**

Politika engaĝiĝo estas komuna denominatoro ĉe multaj hispaniaj bandoj. Ne maloftas vidi ilin ludi ĉe anarkiistaj festoj, ĉe trudokupataj domoj (*squat*) – organizitaj trudokupoj (*gaztetxe* en Eŭskio) kiuj samtempe estas renkontiĝejoj por kulturaj kaj ideologiaj interŝanĝoj.

Radikala roko estas ankaŭ ĉe la eldonejo **Matraka Diskak** kaj **Munster Records**, kiuj ludigis **El Ultimo Ke Zierre**, klare kontraŭmilitista rapidmetala bando (ili kopias sur sia albumkovrilo la




sloganon *"Mili KaKa"* = "Militservo Fekaĵo"), **Primera Comunion, Eskorbuto** (hispania punko de la unua horo), kaj traŝbando **Rottest Slag** (*trash*).

Tre bona sendependa eldonejo estas **Tralla Records**, kiu publikigis kompilaĵon *Barcelona Explota* kungrupanta ses bandojn, kaj ankaŭ albumojn kiuj gamas de roko ĝis peza metalroko (**heavy metal**), pasante tra punko kun bandoj kiaj **Juanito Piquete, Cuarteto de Goma, Oficial Matute, D-Kampo, Alambique**, ktp., kun tekstoj jen kastiliaj jen katalunaj. Katalune esprimiĝas ankaŭ **Situacio Adversa** ĉe **Macaco Records**, kiu ludigas **Budellam**, alian tre bonan ekstremrokan bandon laŭ stilo de **Negu Gorriak**. Ĉi eldonejo tute ne fakiĝemas – nek la aliaj, cetere – ĉar troveblas psikorokabila bando **Los Brioles** kaj garaĝroka bando **Blue Bus** kiu kantas angle.

Sudege, ĉe andaluzaj **Reincidentes**, aŭdiĝas nervoza roko ĉe **Discos Suicidas**, samkiel ĉe **Distorsion** por la plej freŝdataj, ankaŭ **Parrabellum** (eŭska ekstremroka bando), **Zer Bizio** (elektra punko), kaj la tre bona kompilaĵo, bona panoramo de hispania punko ĉe komenco de la 80aj jaroj, *Condenados a Luchar.*

Bruroko kaj popo plene elkoviĝas en la paelja lando kun **Parkinson DC** kaj **BC 30** ĉe **La Gloria**, aŭ kun **Back is Dead**, barcelona bruroka bando kiu publikigis albumon ĉe **Marylin**, eldonejo pli fakema je tradicia roko kun garaĝroka tendenco. Ili publikigis tre interesan kompilaĵon de demoj de bandoj de la tuta duoninsulo, *Armas Jovenes*, kie malkovreblas interalie **Los Elementos**. Pli freŝdate publikiĝis albumo de **Vampiros en la Havana**, fortika kaj efika roko kun sloganecaj titoloj kiaj *"Me gusto montar follar"* ("Mi ŝatas misordigaĉi") kaj *"Cada vez me gusta mas beber vino"* ("Mi pli kaj pli ŝatas trinki vinon").

Ŝtonrokemuloj kaj metalrokemuloj ne elreviĝos kun eldonejo **Avispa** kaj bandoj kiaj **Baron Rojo** (jam pli ol dek jarojn da kariero), **Muro**, kaj **Madina Azahara** ("rasmiksaĵo" inter elektra metalroko kaj andaluza flamenko).

Laŭ hiphopa vidpunkto, malkovrindas bandoj kiaj **Def Con Dos** (repo kie laŭ stilo de **Beastie Boys** rekoneblas samplaĵoj de **Ramones, Dead Kennedys, kaj Sex Pistols**),




Os Resentidos (de Galicio, kiel Siniestro Total, ili uzas regionajn instrumentojn miksitajn kun diĝitaj ritmoj kaj sonoj).

La novaj muzikoj, ekzemple teknoindustria kaj eksperimenta roko, trovas en Hispanio tre originalajn kaj novigemajn artistojn, kiaj troveblas ĉe G3G: **Raeo, Oriol Perucho, Sociedades en Tetra Brick, Esplandor Geométrico,** kaj **Macromassa** (jam dek jarojn por la du lastaj), vigle konsilataj al ŝatantoj, samkiel **Vamos a Morir, SuperElvis,** kaj **Dolores Pequeños** (ĉe **Por Caridad Producciones**).




Mi preskaŭ forgesis niajn deĵorantajn klaŭnojn, ridigajn kaj vigligajn, grandegulojn de mokado, de sovaĝa punko, kun galicia sakfluto: **Siniestro Total**, kiu senkonkure gajnas la bonhumoran premion.

Finonte, jen mi donas mise-dise kelkajn bandojn, neniel celante definitivan liston de kio troviĝas en Hispanio: **Los Sencillos** (tre agrabla roka popo), **Los Valentas, Pribata Idaho** (ĉe **Munster Records**), **Los Cerdos** (G3G, stranga roko), **La Secta** (unuaranga roko laŭ la linio de New York Dolls), **La Grima** (de Burgos), **Kalean, Cerebros Exprimidos, Potato....**

— Satan
(trad. RoKo)

Cetere, krom tiuj rokbandoj pli-malpli famaj, en Katalunio ekfloras precipe en Barcelono kaj ĝiaj ĉirkaŭurboj amaso da bandoj. Tamen, la situacio estas malfacila por ili. Pro tio, tiuj ĉi bandoj grupiĝis por sukcesi travivi.

Tiel ĉi naskiĝis asocioj kiaj **Interrock** kaj **Coordinadora de Grups**, ambaŭ helpataj de la urbodomo de Barcelono, kaj **Circuit Zero** helpata de la ĉirkaŭurboj de Barcelono (Hospitalet, Sant Boi, Sant Feliu...).

Tiuj ĉi asocioj eldonis diskajn kaj kasedajn kompilaĵojn kaj katalogojn kiuj prezentas kvindekon da rokbandoj. Ili helpas aparte ankaŭ kelkajn bandojn por eldoni kasedojn, kiel **Ubi Sunt** de Barcelono, kiu koncertis dum la **Roka Ŝtato 93** en Montpellier.

— **NDLR**

Interrock
barcelona






# LA FABELECAJ TROBADOROJ DE OKCITANIO

LA FABELECAJ TROBADOROJ DE OKCITANIO



Denove ĉinumere ni preskaŭ devige devas paroli pri novaĵoj kiuj aperis ĉe **Bondage Productions** kaj pli precize ĉe **Independance**, kvankam **Houlala** (vidu klarigojn en *Rok-Gazet'* n-ro 4) aperigis novajn k-diskojn de **Ludwig von 88**: *Tout pour le trash* ("Ĉio por traŝo"), **Les Cadavres**: *L'art mourir* ("Arto morti"), kaj **Les Naufragés** (eks-**OTH**): *À contre-courant* ("Kontraŭflue").

**Independance** de **Bondage Productions** eldonis novajn albumojn de la repbandoj **Timide et Sans Complexe**: *Lyriques explicites*, **Massilia Sound System**: *Violent* ("Perforta"), **Sens Unik**: *Les portes du temps* ("Tempaj pordoj"), **Bouducon Production**: *Bouducon Production* (okcitana repbando), kaj **The Fabulous Trobadors**: *Era pas de faire* (en okcitana: "Estis nefarenda", prononcu [ero paz de fajre]).

Ĉilastaj **The Fabulous Trobadors** el Tuluzo havas veran personecon ĉar la repo kiun ili ludas estas vere originala kaj kantata okcitane (regiona lingvo en suda Francio).

— **Flo!**



**Les Cadavres**



**Les Naufragés**




## Irvojo de The Fabulous Trobadors

Komence de la 80aj jaroj, post longa esplorado en la anonima tradicio de langvedokaj kantoj, **D-ro Cachou**, alinome **Claude SICRE**, lanĉis sian de tiam konatan *"Ai! Que lo babau me pica!"* (okcitana slangaĵo: "Aj! La sekso jukas min!", proksimuma prononco: [aj! ke lu babaŭ' me piko!]), kaj la stilon kiu konigis lin (rapidega parolfluo, neniu akompanado por subteni la ritmon krom mizera cimbaleta tamburino). Kvin mil kilometrojn de tiu repo inventita en la nigrula komunumo de Novjorko kaj sur Jamaiko, ankoraŭ ne penetrinta Francion, kaj pri kio li cetere nenion sciis, li tiel eksekvis komplete solulan vojon en tiu muzika movado kiu baldaŭ superondis la mondon. Des pli ke alia intuicio de tiu movado gvidis lin: li jam longe emis aktualigi la *fençon* [fensu'] (poetaj turniroj) de okcitanaj trobadoroj, kaj kunmetante eltrovaĵojn li ekverkis dialogajn kanzonojn kun improvizemo kiujn li interpretas kun sia komplico **Daniel LODDO**.




**KD de Bouducon Production**

Finfine esenca malkovro kiu trankviligis lin pri la ĝusteco de lia vojo kaj rompi lian kompletan izolecon, tiu en 1983 (sonbende), poste en 1985 (vide) de la *emboladores* de nordorienta Brazilo, kiuj ne nur kantas per sama stilo kaj per ĝemela lingvo, akompanataj de sama tamburino, sed ankaŭ apogataj de lirika kaj melodia tradicio 500-jara kiu, tra la portugala, venis rekte de la okcitanaj trobadoroj mem! Tra muzika malkovro, estis la historio de migradoj kaj kulturaj miksaĵoj kiu senvualiĝis.

Revelacio post laboro kiu ankoraŭ ne ĉesis diskonigi lin. Ĉar sufiĉis rigardi pli malproksimeten por rimarki ke la kanzonoj de la *emboladores* estas aliflanke markitaj de afrika ritma influo, kiun de jarcento tuta Eŭropo trovis en ĵazo, kaj kiun ĝi retrovas nun en repo. Justa situacia renverso, **D-ro Cachou** kaj **D. LODDO** do ekkaptis la stilon (albumo *Batèstas e cantarias*, **IEO Musica**). Enorman distancon de nia imitema kaj kiĉarta jarcento, ili efektivigis veran profundan stilmiksaĵon kun pli ol nure muzika graveco. Senkiĉa stilmiksaĵo, ĉar irinte rekte esencen, kaj pri kiu kompreneble la fakuloj restis surdaj. Unuopuraj inter muzikistoj, **Bernard LUBAT**, **Massilia Sound System**, kaj poste **Claude NOUGAROU** komprenis la pioniran karakteron de tiu esplorado kaj subtenis ĝin. Lasta epizodo: la providenca renkontiĝo en 1986 de **D-ro Cachou** kun **Ange B.** (**BOFAREU**) (**Jean-Marc ENGALBERT**)* , granda kreisto de voĉaj sonoj, konanto de repo kaj rubadubo, kiu tiris la **Batèstas** de ilia rura koto por doni al ili taŭgan aspekton kaj postelektronikan realecon. **The Fabulous Trobadors** naskiĝis.

De sia komenciĝo, ili tenas tute originalan lokon en la kanzona kaj muzika universo: kontraŭfluaj al la franca kanzono pro la ritmo; kontraŭfluaj al rokaj kaj repaj tekstoj pro la poezia vejno kaj humuro; kontraŭfluaj al ĉiuj pro uzado de la okcitana lingvo, pro la simplegeco de instrumentado, pro la kutimo de improvizado, pro la aktualigo de klera liriko de sep jarcentoj, kaj fine, ĉefe pro ilia intelekta pozicio kaj praktiko kiu portis ilin fronte de la veraj ĉijarcentaj bataloj. Propravole blokitaj funde de sia provinco, de sia folkloro, kaj de sia dialekto, ili estas devigataj por aŭdigi sin renversi ĉiujn antaŭjuĝojn, konkrete rompi ĉiujn getojn (kiuj aliaj ol ili en tiu ĉi lando kantas tiel por maljunulejoj kiel por antaŭurbaj gejunuloj, foje miksante ambaŭ publikojn kaj aliajn?), kaj ĉie promocii siajn valorojn: kultura pluralismo, malcentrismo, kultura aŭtonomio kontraŭ politiko, neceso de regionaj ĉefurboj....

Oni ofte baptis "primitiva repo" la stilon de **The Fabulous Trobadors**. Por mi kaj por multaj aliaj, prefere temus pri "postrepo" – tio kio restos esenca kiam la akcesora eksmodiĝos.

**– Jacme GAUDAS**
**(trad. RoKo)**



***Ange B.** participas ankaŭ ĉe **Bouducon Production**, bando kun paralela vojo sed nete pli elektra (okcitana repo). Tio ĉi klarigas iujn komunajn tekstojn de ambaŭ bandoj.




**Massilia Sound System**



# malrok-muziko

## KIA TOhUVaBOHuO!

Kune muziki kaj kanti plezurigas ilin kaj tion ili sentigas. Ilia potenco efektive fontas el la fortaj rilatoj kiuj kreiĝas inter la artistoj kaj ties spektantoj dum koncerto. Kvankam dum la posttagmezo ili profesie pasigis almenaŭ du horojn por pretigi ĉiujn necesajn sonteknikaĵojn, ili fine decidis koncerti... akustike! Kvankam la salono ne favoris tian veton, **Kajto** sukcese superflugis ĉiujn malfacilaĵojn.

Dimanĉon la 10an de aprilo 1993 en **Hérouville St. Clair** (Normandio) **Kajto** koncertis kadre de la **48a Kongreso de SAT-Amikaro**. Ne plu necesas emfazi la talentojn de **Nanne KALMA**, **Marita KRUIJSWIJK**, **Ankie van der MEER**, kaj **Marian NESSE**. *"La ĝenerala gaja entuziasmo, la temoj prikantitaj, la muzik-stilo kaj -kvalito senriske garantias sukceson,"* diris Yves NICOLAS, kongresorganizanto jam antaŭ la koncerto!

Kompare al la spektaklo prezentita antaŭ du jaroj ankaŭ kadre de sat-amikara kongreso, ni retrovis kelkajn konstantajn ecojn; ekzemple jam la unua impreso: la kostumoj, ruĝaj kaj nigraj vestoj, kaj la simplaj dekoraĵoj, ses gigantaj kajtoj kun diversesprimaj mienoj, jen rideganta, jen paŭtanta, jen kolerminacanta...

Inter la ŝatataj temoj elstaras la maro. Ankoraŭ pli riĉigita repertuaro de mar-kantoj pluvivigas la salitan spir(it)on, kiu plenigas la velojn kaj vojaĝigas la ĉeestantojn al fantazio....

### Veraj esperantistoj

Tiu konstanta unueco de la verko tamen ne malhelpas evoluon de la grupo. Unue la artistoj multe progresis en praktiko de la esperanta lingvo. Kanti en esperanto ne sufiĉas por esti vera esperantisto. La historio de la esperantistaj kantistoj jam montris tion. Ankaŭ multaj klasikaj horoj pretas kanti en la latina, itala, germana (malnova), franca, angla..., eĉ esperanta lingvoj, kaj tamen neniu el la horo parolas tiun lingvon. Tial artistoj ofte restas fremdaj en niaj kongresoj.

Male, tre interesajn diskutojn en esperanto tre simpatie konsentas **Kajto**... ĉefe kun glaso en mano...!

### Profesiaj muzikistoj

Konsidere al la muzika flanko. De unu jaro Marita kaj Marian profesiiĝis kaj nun perlaboras sian vivon nur dank' al sia muziko dum koncertoj en festivaloj, kulturaj aranĝoj, lernejoj (kun speciala infanprogramo), ktp.... Tiel la muzikon de nova kanto "La kuriozulo" verkis Marian laŭ teksto de Nanne. **Kajto** plispertiĝis ankaŭ en siaj rilatoj kun la publiko esperantista. Pli ofte ol antaŭe, dum koncerto, ili kantigas ĝin laŭ sia originala metodo: grandlitera teksto flirtas sur pendanta ŝtofo. **Kajto** ne hezitas dividi la salonon por eĥi kanonojn. Tiam la jam varma etoso atingas kulminojn.



**Kajto sceneje**

### Al necesej'!

Ĝis kie la esperantistoj pretas sekvi **Kajton** por kunkanti ties kanonojn...? Ĝis la necesejo! Jes ja! Por ĝui ĝisfine tiun eksterordinaran spektaklon, pli ol 50 personoj amasiĝis en plenŝtopitaj (je homoj) kompatindaj necesejoj, kiuj neniam gastigis tiom da vizitantoj samtempe. Samspecan koncertofinon **Kajto** jam spertis unu fojon, iam sur pramŝipo inter Frislando kaj la frisa insulo Terschelling.

### Belsona tohuvabohuo

**Kajto** unuafoje prezentis al tre atentema publiko sian trian kompakt-diskon eldonotan en aŭtuno: *Tohuvabohuo*. Laŭ *PIV* tiu vorto aludas iun plenan konfuzon, malordegon. Efektive dum tiu koncerto **Kajto** kantis tre varian tumultan programon; multajn novajn kantojn miksitajn kun jam konataj ekstraktaĵoj el la unua kaj dua diskoj. Jes ja! Kia malordo! Eĉ la "Procesio Multkolora" ne plu sekvis la "Atendita Karavano"-n, sed akompanis la muzikistojn laŭ la ŝtuparoj tra la aplaŭdantaro. La franclingva traduko *tohu-bohu* havas kiel duan signifon "konfuza bruo, brua tumulto". Ĝi ja tute ne rilatas al nia kvaropo, kiu ja plene majstras sian arton.

Sur tiu nova disko temas pri grandioza kaj belsona tohuvabohuo!

Konstatu mem laŭ la enhavo. Krom la jam menciitan "La kuriozulo"-n, aŭskultu inter aliaj kvin poemojn de **Wiliam AULD**, muzikigitajn de Nanne. Lastan jaron la skota poeto jam ĝuis tiun interpretadon. Poste "La Eŭropo-trilogio"-n, aktuala temo. Tiujn ĉi tri kantojn, verkitajn de Nanne (tekston kaj muzikon), **Kajto** dufoje grandskale prezentis kun impona horo kaj du kuproensembloj. La ĝoja festanimo de la kvaropo bele esprimas sin en "La granda kermeso" de la ŝatata poeto **Paul THORSEN**, aŭtoro de "Averto", "Kvalifikoj nenecesaj", "Ĉe via dekstra genuo", kaj de la kanonoj "Logike", "Maljuste" kaj "Kvalito" jam registritaj sur la du unuaj diskoj. Ankaŭ kanono troviĝas sur tiu nova disko, ĝi titoliĝas "Tohuvabohuo"! Ĉu vi iam aŭdis tiun esperantan vorton? Dank' al la vortinspiro de Nanne, ĝi tre baldaŭ iĝos banala en via

esprimado....

Sur tiu nova disko multaj komplicoj, eĉ ne esperantistaj, kunkantas rekantaĵojn. Ekzemple nederlandaj amikoj el la grupo **Liereliet**.




## Neesperantlingvaj produktaĵoj

Dum la paŭzo krom la du konataĵn kompakt-diskojn kaj kasedojn *Kajto* kaj *Procesio Multkolora*, eblis aĉeti neesperantlingvajn produktaĵojn. Efektive la kvaropo eldonis aliajn LP-diskojn, ko-diskojn, kaj kasedojn, akirindajn kaj eĉ akirendajn por ankoraŭ pli bone koni la vivosferon de **Kajto** ekster Esperantio.

La unua artista nomo de **Kajto** estis **De Perelaar**. De tiu epoko plu restas ankoraŭ kelkaj LP-diskoj. Tiam la grupo estis ankoraŭ tre proksima al la tradiciaj nederlandaj kaj frisaj kant- kaj danc-muzikoj popolaj.

Nun en la frisa kaj nederlanda lingvoj **Kajto** kantas sub la nomo **Kat yn 't Seil**, aranĝitajn tradiciajn kaj primarajn kantojn. Kun deko da geamikoj tiu grupo laŭ la samaj muzikoj kaj temoj nomiĝas **Liereliet**. Kune ili eldonis ko-diskon kaj kasedon.

Nanne estas membro de asocio grupiganta popolajn muzikantojn kaj interesatojn en Frislando. Ĉiujare ĝi organizas folkfestivalon, rezervitan al nur frisaj aŭ dialektaj kantoj. La dekkvina festivalo okazinta lastjare naskis la kompakt-diskon *Tsjoch!* ("Je via sano!", prononco [ĉoĥ]). Tiam dudeko da diversaj grupoj, i.a. **Kat yn 't Seil**, registris po unu kanton. La deksesa festivalo okazos en Drachten en venonta septembro.

Fine *Batavia*. Ĝi estis nederlanda ŝipo konstruita en la jaro 1628. Dum sia unua vojaĝo al Indonezio por komerco ĝi sinkis ĉeborde de Aŭstralio. Nuntempaj junaj metilernantoj vetis konstrui replikon de tiu ŝipo laŭ la malnovaj metodoj. Tiu neordinara entrepreno vekis atenton kaj entuziasmon de multaj subtenantoj, kiel ekzemple... **Kajto**! Ĉio tio inspiris Nanne rakonti pri la vojaĝo de la ŝipo *Batavia* laŭ originalaj muzikoj, ludataj per tradiciaj sed ankaŭ elektraj instrumentoj, kiel sinteziloj.

## Reago al novaj teknikoj

Venis la informo pri la novaj sonportiloj kaj la jam komencita, grava komerca konkurenco inter la **Philips-kasedoj** kaj la **Sony-disketoj**. Por **Kajto** plej gravas ke en la estonto daŭre ekzistu ebleco produkti malgrandskale. Tiucele Nanne esperas ĉiam trovi helpantojn. La kompakt-diskoj estis bona solvo, ĉar ĝin adoptis ĉiuj produktistoj (male por la videosistemoj, PAL, SECAM, NTSC kaj VHS, VHS-C, 8, HI8, ktp...). Por la artisto gravas tiu internacia unueco.

Por **Kajto** ankaŭ gravas la eldono de libreto por la tekstoj, tial ili ja preferis la formaton de la LP-kovriloj.

**Kajto**
**ĉe Ankie van der MEER**
**Oudeweg 97**
**NL-9201-EK DRACHTEN**
**Nederlando**

**—Marcelo REDOULEZ**

*Tohuvabohuo* troveblos ĉe **Vinilkosmo** laŭ referenco **VKK-18** kaj **VKKD-7**.

# MESIO de Haendel

Laŭ **Andrew Davis**, la *Mesio* de **Haendel** estas la plej populara muzikaĵo ĥora.... Ĉiukaze, *Mesio* estas alloga kaj situas inter tiuj muzikaĵoj kiuj aŭ plaĉas ekde la unua aŭskultado aŭ plaĉos neniam.

Laŭ judaismo kaj kristanismo, Mesio estas la savonto de israelidoj, kaj respektive de la tuta homaro. Kiel religia rolanto, Mesio havis nenian ŝancon esti konata en certaj partoj de la mondo, kaj ankaŭ tiuj artaj kreaĵoj pritraktantaj lin.

En tiaj kondiĉoj, plej granda estas la surprizo, nepre plaĉa, ekscii ke muzika verkaĵo, kreita honore al savunto registriĝis en orienteŭropa lando en... danĝera lingvo.

Jes ja, la **Lingvo-Studio de László Szilvási** en Budapeŝto, Hungario, registris fragmentojn de la fama oratorio *Mesio* en versio esperanta. Profesiaj muzikistoj: kantistoj, ĥoranoj, instrumentistoj ofertas al ni pli-malpli unu horon da altkvalita klasika muziko.

**– El recenzo de Ionel ONET, aperinta en *The ELNA Newsletter***

# Petrucciani !

La 19an de marto, Paloma kaj mi iris al **Blezo** (Blois, 175 km sudokcidente de Parizo, Francio) por spekti spektaklon de la fama ĵazpianisto **Michel PETRUCCIANI**.



Estis por ni evento, ĉar pro lia translokiĝo al Novjorko, oni ne ĝuas oftajn eblecojn vidi lin. Kaj estas unika momento!

Unue, mi estis ege impresita de lia forta karaktero (humura, humana, sensiva...) kontraste al la malfortikeco de lia fiziko. Por tiuj kiuj ne memoras, mi diru ke li sin movas per lambastonoj, kaj estas malpli alta ol la piano mem. Kutimaj fotoj montras lin sur rulseĝo.

Forto de la cerbo fronte al la destino.

Due, mi devas konfesi ke lia muziko estas je supropinto de la nuntempa ĵazmuziko, ĉu pro lia flora stilo ekde konataj melodioj, ĉu pro la arkitekturo de la muzikpecoj, ĉu pro la energio kiu elmergas el la nombraj notbukedoj.

Propraj komponaĵoj dediĉitaj al lia edzino aŭ al lia filo pruvas gravajn krekapablojn.

Filo de italaj elmigrintoj kaj knabo de la parizaj ĉirkaŭurboj, oni ĉiam miras pro lia mondskala sukceso dum li estas nur tridekjara.

Estas evidente ke tiu handikapulo egalas aŭ eĉ superas **Keith JARRET**. Kaj supozeble atendas lin belega kariero.

**— Gerardo**

# INSTRUMENTOJ KAJ ALIAJ ILOJ
## ELTIRAĴO EL
# ROKO KAJ POPO
## POPULARMUZIKA TERMINARO EN ESPERANTO

de Bertilo Wennergren

## PARTO 1

**agordaparato** *tuning machine.* Elektronika aparato por helpi ĉe agordado. Ĝi aŭ donas norman tonon aŭ analizas la ludatan tonon montrante kiom ĝi devias de la ĝusta tonalto.

**agordforko** *tuning fork.* Forksimila ŝtala ilo, kiu frapite donas agordotonon, normale A 440-herca.

**akompana gitaro** *rhythm guitar.* Vd solgitaro.

**akordiono** *accordion.* Portebla klavarinstrumento, kies sono estas produktata per metalaj lamenetoj, kiuj ekvibras pro aero blovata per faldita balgo. Vd kaĵuna akordiono.

**albumo** *album (record, cassette or CD).* Ĝenerala vorto por eldonita sonregistraĵo. Kiam nuntempe la sonverkoj ofte estas eldonataj en pluraj formoj (gramofona disko, kompakta disko, kasedo, DAT-kasedo) oni bezonas ĝeneralan vorton por la registraĵo mem sendepende de la formo. Unu albumo povas eĉ konsisti el du (aŭ eĉ pli da) diskoj, kasedoj ktp. Tion oni nomas duobla (triobla ktp) albumo. Disketojn kun nur du-tri pecoj oni ne nomu albumoj.

**alpublika sonsistemo** *public address system, PA.* = APS. Sistemo de amplifilo, laŭtparoliloj, miksilo kaj aliaj aparatoj por aŭdigi parolanton aŭ artistojn al publiko. Vd alartista sonsistemo.

**amplifilo** *amplifier.* Aparato por amplifi. Necesa por elektraj gitaroj kaj aliaj elektraj instrumentoj.

**anĉo** *reed.* Maldika langeto normale el kano, kies vibro kreas la sonon de kelkaj blovinstrumentoj, ekz. saksofono.

**arĉinstrumentoj** *strings, string instruments.* Instrumentoj ludataj per arĉo, ekz. violonoj.

**arĉo** *bow.* Longa maldika stango, laŭlonge de kiu estas fiksita fasko de ĉevalharoj. Uzata por ludi arĉinstrumentojn.

**banĝo** *banjo.* Kvar- aŭ kvinkorda instrumento kun longa kolo kaj tambursimila korpo uzata ekz. en frua ĵazo. Vd ukulela banĝo.

**basgitaro** *bass guitar.* Kvarkorda (malofte kvin- aŭ ses-korda) gitaro. Normale elektra kaj sen resonanca skatolo. Ĝi havas la saman registron kiel kontrabaso.

**bastamburo** *bass drum, kick drum.* Granda tamburo kun basa sono. En drumo ludata per pedalo.

**bendo, sonbendo** *tape.* Sur bendo oni povas registri sonon per magnetofono. Ekzistas grandaj rulbendoj, kiujn oni volvas ĉirkaŭ bobenoj, kaj kasedbendoj kiuj estas daŭre entenataj en plastaj ujoj. Vd albumo, disko, DAT-kasedo.

**blusa harmoniko** *blues harmonica, blues harp.* Diatona harmoniko uzata ĉefe en bluso.

**bongoj, bongotamburoj** *bongos.* Latin-Amerika perkutinstrumento. Du etaj tamburoj kunmuntitaj. Oni ludas tenante la bongojn inter la genuoj. Vd kongao, tamo, timbaleo.

**botelkola gitaro** *bottleneck guitar.* Glitgitaro ludata per botelkolo kiel glitilo. Vd pedala ŝtalgitaro.

**bovsonorilo** *cow bell.* Perkutinstrumento. Granda angula bovsonorilo sen interna frapilo. Aŭ tenata mane aŭ muntita sur tamburo. Ludata per bastoneto. Grava en Latin-Amerika muziko.





**broso** *brush.* Peniksimila dratbroso uzata por ludi tamburojn mallaŭte kaj sen troa perkuto. Ofta en ĵazo. Vd tamburbastoneto, maleo, batilo.

**buŝpeco** *mouth piece.* Tiu parto de blovinstrumento, kiu estas tenata en aŭ ĉe la buŝo. Vd anĉo.

**cimbalo** *cymbal.* 1 Perkutinstrumento. Ronda metala plato ludata aŭ per ilo aŭ per alia cimbalo. Vd Ĉina, kraka, nita, plaŭda, sibla, sufoka, tinta cimbaloj, ĉarlestono, drumo. 2 EVITINDA. Zimbalono, malgranda kordinstrumento ludata per marteloj.

**ĉapmanbastono** *chapman stick.* Moderna elektra dekkorda instrumento, kiun oni ludas per ambaŭ manoj sur la fingrotabulo frapofingrante la kordojn. Vd frapofingrado.

**ĉarlestona cimbalo** *hi-hat cymbal.* Cimbalo de ĉarlestono. Vd Ĉina, kraka, nita, plaŭda, sibla, sufoka, tinta cimbaloj, drumo.

**ĉarlestono** *hi-hat.* Moderna perkutinstrumento. Du cimbaloj muntitaj unu super la alia sur stango. Per pedalo la ludanto kun- kaj dis-igas la cimbalojn. Normale parto de drumo. (La vorto ĉarlestono indikas la tutan instrumenton kun la du cimbaloj, la stativo kaj ties pedalo.)

**DAT-magnetofono** *DAT machine, DAT recorder.* Aparato por diĝite registri/ludigi sonon sur specialaj kasedbendoj. Dum la sistemo de kompaktaj diskoj similas al gramofonoj, DAT-magnetofonoj similas al ordinaraj kasedmagnetofonoj. DAT = *Digital Audio Tape* - Diĝita Aŭdibenda Tekniko.

**dekdukorda gitaro** *twelve-string guitar.* Gitaro kun ses duoblaj kordoj anstataŭ la normalaj ses unuopaj.

**dinamika mikrofono** *dynamic microphone.* Mikrofono funkcianta per magneto kaj bobeno. Vd kondensila mikrofono.

**diskludilo** *record player.* Gramofono aŭ kompaktadiskludilo.

**disko** *record, disc.* 1 Gramofona disko (ankoraŭ la pli ofta senco). 2 Kompakta disko (verŝajne plioftiĝonta senco). Vd diskego, disketo, albumo, kasedo, bendo, DAT-kasedo.

**diskogurdo** *juke box.* Aŭtomato, en kiun oni povas meti moneron elektante klave kiun disk(et)on la aŭtomato ludu.

**distordilo** *distortion box.* Aparato por distordi sonon. Uzata ĉe elektraj gitaroj aŭ aliaj elektraj instrumentoj por krei pli "agresan" sonon. Vd va-va-ilo, elfazigilo, flangilo, ĥorilo, eĥilo, kompresoro.

**dobro, dobrogitaro** *dobro.* Speco de gitaro kun altigitaj kordoj kaj resonanca konuso, uzata ekz. en blugraso. Dobron oni ludas kiel glitgitaron. Vd pedala ŝtalgitaro.

**drumo** *drum set, drum kit, traps.* Speciala aro de perkutinstrumentoj ludata de unu muzikisto kaj konsistiganta unu instrumenton. Drumo enhavas baze bastamburon, rultamburon, ĉarlestonon kaj diversajn tamojn kaj cimbalojn. Oni distingu inter drumo kaj perkutinstrumentoj, ĉar multaj bandoj havas kaj drumiston kaj perkutinstrumentiston. Vd drumomaŝino.

**drumomaŝino** *drum machine.* Maŝino por produkti la sonojn kaj ritmojn de drumo kaj/aŭ perkutinstrumentoj. Modernaj drumomaŝinoj estas komputiloj kun sintezitaj aŭ samplitaj sonoj.

**efektilo** *effect box/pedal.* Elektra aparato, kiu ŝanĝas sonon por krei efekton. Ekz. distordilo, flangilo, ĥorilo, eĥilo, spacosonilo, kompresoro, va-va-ilo.

**eĥilo, ekoilo** *echo machine.* Elektra aparato, kiu kreas la sonon de eĥo (ekoo). Vd efektilo, prokrasto.

**ekscitilo** *exciter.* Elektronika aparato uzata en sonregistrado por pliigi la diskantajn frekvencojn.

**ekvalizilo** *equalizer.* Aparato por ekvalizi. (Elektronike ŝanĝi la relativan laŭtecon de la diversaj partoj de la tonspektro.) Grafikaj ekvaliziloj havas (ŝov-)regilojn kun fiksitaj frevencbendoj. La ŝovregiloj formas videblan kurbon de la tonspektro. Parametraj ekvaliziloj havas regilojn kun nefiksitaj, ŝanĝeblaj frekvencbendoj. La tembroregiloj de ordinara amplifilo estas ekvalizilo simpla.

*paĝo 2*







## TUTE NE GRAVAS

### PLI PRI INFLUOJ DE LA MUZIKO

*Rok-Gazet*'on mi amas, kvankam mi ne estas rokemulo, nek rokfano.... Tial mi multe ŝatas la numeron kvar...! Tie muziko ja vere rimiĝas kun esperanto; antaŭe mi trovis la rokrondon ĉiam fermiĝanta kompare kun alia muzikmedio, sed nun ŝanĝiĝas mia opinio....

Mi ne pro tio havas plian emon al rokmuziko, tamen certe pli da toleremo, same kiel **Eduardo VARGAS** de **Solo**, kies intervjuo interesegis min.... Jen pri tio!

Alia interesega kaj, laŭ mi, grava artikolo estas: "Iom pri influoj de la muziko" de **Tualin IÑAKI**, ĉar mi mem muzikamanto kaj foje (ne profesia) muzikisto, iomete esploris tiun aferon (bioenergion..., ktp).

Pere de muskolaj testoj, malvolvitaj de kinezologio oni povas kvazaŭ mezuri la variadojn bioenergiajn de la korpo (korpo kune kun spirito: homo estas tuto). Tiuj testoj estas tre fidindaj, ĉar, kiel diras la doktoro **John DIAMOND** en la titolo de sia verko *Your Body Doesn't Lie* ("Via korpo ne mensogas", franca traduko kaj eldono ĉe **Le souffle d'or**).

Li malkovris ke iuj ritmoj povas perturbi la energion de la homa organismo, kaj eĉ vere misharmoniigi la funkciadon de la cerbo, de la du cerboj (tio estas dekstra kaj maldekstra hemisferoj), kuntrenante unue kondutojn konfuzajn, ktp....

La suspektitaj ritmoj estas la pure rokaj ritmoj, precipe la anapesta ritmo [u u — ] *(da da DA)* kun halto ĉe ĉiu taktostreko, speco de breĉo malkonektanta ambaŭ cerbajn hemisferojn.[1] Tio ne okazas plu kiam la ritmon oni frapas tre rapide![2]

La antaŭaĵo de la libro klarigas kiel oni povas mem konstati tion, memfarante la testojn... (oni povas eĉ testi reagojn kontraŭ muziknotoj, vortoj, koloroj, formoj, nutraĵoj, ktp).

Li konstatis ke rokmuziko kiu ne uzas tiun anapestan ritmon ne havas tiun konfuzan efikon ĉe bioenergio, same kiel rokenrolo kaj rokabilo, kaj ankaŭ ĵazo.... Liaj konstataĵoj kunigas tiujn de la artikolo en *Rok-Gazet'* 4.

Fine mi plezuras konstati, ke ankaŭ rokmuziko estas muziko, t.e. ia eksterordinara malfermiĝo (kial ne ekflorado al la mondo kaj al la aliuloj)... kiel esperanto!

— **Bertrand CARETTE**



[1] **Ndlr**: Pruvu tion! anapest' jam enhavas tiun ritm'... kaj pli grave, esperant' *(es pe RANT')*... pruvu tion, do, kaj samtempe vi pruvos ke esperanto estas ne pli bona ol rokmuziko!!! (Vidu la noveleton de **Bertrando ALBAULT**, pĝ 29)).

[2] **Ndlr**: memkompreneble, ĉiuj ja scias ke espistoj parolas tre rapide!!!)

# EUROKKA, ESPERANTO, KAJ ROKMUZIKO





**La eŭropaj landlimoj ekfalas – preskaŭ ĉiuj orient-eŭropaj kurtenoj kaj muroj jam disfalis. La kvin kontinentoj proksimiĝas kvazaŭ ili volus tuŝiĝi, dank' al ĉiuj modernaj transport- kaj komunikrimedoj.**

Sed malgraŭ tio la lingvo- kaj kulturlimoj ankoraŭ ne malaperis.

Ĉiuj suferas de tiu ĉi situacio sen tion konfesi – eĉ rokmuziko.

Ĉefe roko, kiu en plej multaj landoj estas perata de iu pseŭdoangla lingvo por aspekti pli aŭtenta – kiel ridinde!

Ja la bazo de rokkulturo radikas el Usono – sed depost sia ekzisto, roko buntiĝas de aliaj influoj, miksoj, kaj kulturoj.

Hodiaŭ ni povas aŭskulti amasegon da roko en multegaj lingvoj.

Kiom da problemoj ni vidas pro nekompreno kiam eksterlandaj sendependaj rokbandoj koncertas en nia regiono aŭ lando.

Regionaj kulturoj ne koneblas ekster siaj regionoj sen lingvo kiu klarigas kaj prezentas ilin.

Nuntempe interŝanĝoj ekzistas, sed kiom da tempo, mono, kaj fortoj perdiĝas pro naciaj lingvaj problemoj. Kulturo bezonas internacian lingvon facilan kiu ebligos tute libere cirkuladi en kiu ajn eŭropa lando kaj aliloke.

Ni parolas ĉefe pri sendependa rokkulturo, ĉar estas tiu ĉi kiu plej suferas pro komunikaj problemoj.

Sendependaj rokbandoj malofte havas grandan buĝeton kaj ne povas pagi tradukistojn kaj aliajn, kiel ekzemple turneomanaĝeron, ktp. Ili havas sufiĉe da elspezoj kaj ili ne povas aldoni pliajn por solvi la lingvajn problemojn.

Male, la komercaj rokbandoj havas tutan grandegan strukturon – artagentejon – kiu zorgas pri ĉiuj administraj aferoj, kiu okupiĝas pri ĉio eksterlande por la rokbandoj. Sed tio similas pli al industria afero ol al kultura aranĝo.

Pro ĉiuj tiuj kialoj, esperanto, kiu estas internacia, ni dirus eĉ monda lingvo, faciligos la cirkuladon de la sendependa rokkulturo.

## Kio estas rokmuziko?



Roko estas tre ĝenerala termino kiu kovras vastan kampon: ni diru ke roko enhavas ĉiujn modernajn elektrajn muzikstilojn. En rokmuziko troviĝas amaso da stiloj kaj tendencoj tre malsamaj, kiel ekzemple (alfabete): *afroregeo, afroroko, atmosfera roko, bakango, bluso, blusroko, bugio, damna metalroko, dancmuziko, diskoo, ekstrema roko (hardkoro), elektronika roko, folklora roko, funko, garaĝroko, haŭsmuziko, industria roko, jazroko, kantrio, latinamerika roko, melodia roko, metalroko, mokoso, motaŭno, popo, poproko, progresiva roko, psikedela roko, punko, punkroko, regeo, repo, ritmenbluso, rokabilo, rokenrolo, rokkanzono, rok-opero, simfonia roko, sintezila roko, skao, ŝlagra roko, ŝtonroko, teknopopo, traŝo,* ktp ktp ktp. (Vidu la klarigojn en la muzikterminaro de **Bertil WENNERGREN** en *Rok-Gazet'* n-roj 2, 3, kaj 4.)

De sia ekiĝo, roko estas revolucia muziko. De ĉiam ĝi transportas ribelemajn kaj liberemajn ideojn (krom ĉe kelkaj politikigitaj kaj fanatikigitaj tendencoj, ekz-e germanaj skinoj **Störkraft**). La kantotekstoj havas ribelajn ideojn, kontraŭas malpermesojn, diras verojn, kontraŭas politikulojn, ofte malkovras la perfortojn far de polico kaj armeo, parolas pri la ĉiutaga vivo, vivo, amo, malamo, milito, paco, mizero, malegaleco, povo, ĝojo, malĝojo, ktp.

Roko celas la junularon kaj la junularo identiĝas je ĝi, kaj ĝi estas esprimformo per kiu la gejunuloj liberigas siajn sentojn kaj energion.

Per rokmuziko multfoje la junularo ribelas kaj montras ke ĝi protestas, emas liberiĝi de la truda socio, uzante rokon por montri sian malkontenton. Ĝi estas socia fenomeno, kaj ĝi vokas liberecon.

Rokmuziko ne nur per la tekstoj liberigas la junularon, sed ĝiaj ritmoj liberigas ankaŭ la korpojn.

## Kio estas espa rokmuziko?

Pro tiuj ĉi ideoj de libereco, pluraj rokbandoj kantas en espo – ili estas espaj rokbandoj.

Por kiu ajn rokbando kiu kantas espe, la mondo malfermiĝas kaj donas al ĝi universalan dimension.

Ju pli la publiko de tiaj rokbandoj grandiĝos, des pli naskiĝos espaj rokbandoj kaj espaj rokproduktaĵoj.

Ni povas diferencigi tri specojn de espaj rokbandoj.

1. La espaj rokbandoj, kiuj konsistas el espistoj kiuj emas rokmuziki. Tiuj ĉi rokgrupoj amatoras, restas kaj koncertas en preskaŭ nur esp-aranĝoj.

Ni citu la plej famajn espajn rokbandojn, **Amplifiki** (Skandinavio), **Persone** (Svedio), kaj **La Mevo** (Japanio).

2. La miksitaj espaj rokbandoj, kiuj konsistas el espistoj aŭ minimume unu. Ili havas ne nur espan repertuaron, kaj rokmuzikas profesie.

Tiaj ĉi profesiaj rokgrupoj koncertas kiel eble plej ofte jen antaŭ espistoj jen antaŭ neesp-publiko. Tiuj ĉi espaj grupoj ofte havas malsaman nomon por esp- kaj neesp-koncertoj.

Ni citu la faman espan folkbandon **Kajto** (Frislando), kiu nomiĝas **De Perelaar** por neesp-koncertoj, kaj la espan rokbandon **Rozmariaj Beboj** (Francio), kiu nomiĝas **Les Rosemary's Babies** por neesp-publiko.

3. La "papagaj" espaj rokbandoj, kiuj konsistas el neespistoj kiuj nur papage ripetas parkeritajn espajn tekstojn.

Tiuj ĉi rokbandoj ĉefe profesias kaj plej ofte koncertas antaŭ neesp-publiko.

Ili papagas en espo pro simpatio al la ideo, sed pro profesiaj kialoj ne havas tempon lerni ĝin. Tamen, ili havas ĉu manaĝeron ĉu produktoron kiu estas espisto kaj gvidas ilin en Espio.

Tiuj ĉi grupoj tre gravas por espo, ĉar pro sia fameco ili sukcesas konigi espon al neespaj publiko, gazetaro, ktp. Tio ĉi povas alporti bonan reklamon por espo.

La espistaro devus pli ofte instigi tian ĉi klopodon ĉe konataj artistoj.

Ni citu la slovakan rokbandon **Team'**, la germanan popbandon **Tutmonda Muziko**, kaj la francan kanzoniston **Jacques YVART**.

Pli kaj pli alvenas rokbandoj en unu el tiuj ĉi tri kategorioj.



## Kio estas EUROKKA?

EUROKKA signifas "Esperanta Universala Rok- Organizo, Kolektiva Komunik-Asocio". Ĝi fondiĝis en januaro 1988 kaj oficialiĝis la 8an de marto de tiu jaro. Kaj de tiam ĝi kunlaboras kun kiom eble plej multaj asocioj, ĉu espaj ĉu neespaj.

Cetere, EUROKKA fariĝis fakasocio de TEJO por havi pli da efikeco cele la esp-junularon, kaj kunlaboras kun

SAT-Junulfako (muzikprogramoj en kongresoj en Amboise kaj Bordozo).

Ĝi celas promocii la espajn rokbandojn, konigi ilin ĉe la espistaro, enirigi espan rokmuzikon en la esp-kulturon por pliriĉigi ĝin cele al la esp-junularo, kaj enirigi espan rokkulturon en la ĝeneralan neespan rokmovadon.

Por tion fari, EUROKKA:

1. Kreas kaj provas funkciigi espan **Rokmuzikan Reton** por faciligi la interŝanĝon inter la asocioj, kaj la cirkuladon de la espaj rokbandoj en la mondo, per informoj, koncertoj, turneoj, ktp.

2. Eldonas tiun ĉi espan rok-fangazeton *Rok-Gazet'*, por vivigi tiun Reton kaj faciligi la komunikadon en ĝi, kaj disvastigi espan rokmuzikon. De 1990 ĝis nun aperis n-ro 0 ĝis la nuna n-ro 5, kaj ni esperas daŭre aperigi ĝin senlime.

3. Starigis **Vinilkosmon**, kased- kaj diskeldonejo kaj distribuejo, kiu distribuas espajn rokproduktaĵojn, kaj mem produktas diskojn kaj kasedojn. Ĝis nun aperis unu kompildisketo kaj unu distribua katalogo por perkoresponda disvendado. Ni esperas baldaŭ eldoni duan kompilaĵon (vidu nian **Alvokon**, pĝ 5).

4. Elsendas priespan programon ĉe la tuluza rokradiostacio FMR.




## La aktivaĵoj de EUROKKA

Ĝis nun, EUROKKA vivteniĝas dank' al la rokbandoj kiuj provludas en la studioj en Tuluzo kiujn ĝi administras. La enspezoj venas de la trinkaĵoj kaj sandviĉoj vendataj al la ekzercantaj muzikistoj, de la aliĝoj, de la espo-kursoj, de la disvendado de kasedoj kaj diskoj, kaj de la *Rok-Gazet'*-abonoj. Sed tio ĉi ne sufiĉas.

EUROKKA devas trovi pliajn solvojn por vivi kaj funkcii.

Gravas por EUROKKA trovi pliajn perantojn kaj kunlaborantojn en ĉiuj landoj por funkciigi la **Rokmuzikan Reton**.

Ĝi deziras ankaŭ pli aktivan kunlaboron kun **Pigo-studio** en Stokholmo, kiu alportas al la espa muzikmovado komplementon. **Pigo-studio** estas profesia surbendigstudio senpaga por ĉiuj espaj muzikgrupoj kaj kantistoj, starigita de **Vladimir** SOROKA (**Pigo**) kun la helpo de multaj espistoj. (Vidu lian artikolon "En zo-zo-ĝardeno", pĝ 26.)

De februaro 1993 malfermiĝis AKCP, EUROKKA-Agentejo en Japanio, kies estro estas ONO Takao. AKCP peros la vendadon de la produktaĵoj distribuataj de **Vinilkosmo** kaj *Rok-Gazet'* en Japanio, kaj respondecos je la nomo de EUROKKA en Japanio.

Aliaj kunlaboro kaj kontaktoj efektiviĝas kun jenaj rok-, pop-, kaj folkbandoj kaj kanzonistoj: **Aaron** (Germanio), **Akvo** (Kanado), **Alien** (Siberio), **Amplifiki** (Skandinavio), **Jomart** AMZEJEV kaj **Nataŝa** GERLAĤ (Kazakstano), **Bleka Forfikulo** (Usono), **Roman** BURA (Pollando), **Espero** (Pollando), **Esperanto Muziko** (Zairo), **Flávio** FONSECA (Brazilo), **Georgo** HANDZLIK (Pollando), **Internacia Ĥoro** (Bulgario), **Kajto** (Frislando), **Kredo** (Rusio), **Ĵak** LE PUIL (Francio), **La Mevo** (Japanio), **Nikolin'** (Belgio), **Persone** (Svedio), **Andrej** OBREZKOV (Rusio), **Rozmariaj Beboj** (Francio), **Sen Nomo** (Rusio), **Solo** (Hispanio), **Vladimir** SOROKA (Svedio), **TBC** (Hungario), **Team'** (Slovakio), **Tutmonda Muziko** (Germanio), **Jacques** YVART (Francio).

## Estontaj planoj de EUROKKA



1. Plifirmigo de la **Rokmuzika Reto** por pli efikaj interŝanĝoj kaj por pli bone organizi la distribuadon de **Vinilkosmo** kaj *Rok-Gazet'* en ĉiuj kontinentoj. Ekzemplo estas la malfermo de filioj aŭ perantaj agentejoj, kiel AKCP en Japanio.

2. Ampleksigo de turneoj de espaj rokgrupoj, komence en la eŭropa reto, kun pli aktiva kunlaboro kun la junularaj esp-asocioj, tiel ebligante la starigon de turneoj en almenaŭ la gravaj eŭropaj urboj. Ekzemple, okaze de la veno de espaj muzikgrupoj de aliaj kontinentoj por surbendigi en **Pigo-studio** en Stokholmo.

3. Varbado ĉe naciaj neespaj rok-asocioj, rokgazetaro, ktp, pere de perantoj en la **Rokmuzika Reto** aŭ en junularaj esp-asocioj de ĉiuj landoj. Espereble tio povos efektiviĝi pere de *Dialog'*, la nova informgazeto de TEJO.

4. Pli oftaj klopodoj por helpo en la espigo de kantoj de neespaj muzikgrupoj por ke aperu novaj papagaj espaj rokbandoj pli-malpli famaj.

5. Instigo je novaj espaj rokbandoj.

6. Starigo de efika stabo de homoj kapablaj traduki kaj verki tekstojn en perfekta espo, kaj adapti ilin (metre kaj ritme) kun la muzikoj de tiuj grupoj. Interesuloj povas proponi sin.

7. Instigi je pli alta kvalito, muzike kaj tekste, de la espaj rokbandoj.

8. Helpo al espaj muzikgrupoj por produkti novajn kasedojn kaj diskojn. (Solvoj por financado serĉataj – alportu ideojn kaj monon.)

9. Kunlaborado kun **Pigo-studio** por produktado de tiuj espaj muzikgrupoj tra **Vinilkosmo** por plidiversigi kaj pli altigi la kvaliton de la espaj muzikproduktaĵoj.

Vinilkosmo

## Por konkludi

La streboj de EUROKKA apenaŭ komenciĝas, la plejmulto restas farota. Helpe de la junularaj esp-orgnizaĵoj (TEJO, SAT-Junulfako, ktp), ni devas krei dinamikon ĉirkaŭ la espa rokkulturo en ĉiuj kontinentoj, kaj per la klopodoj de ĉiu espisto, espa rokkulturo plifirmigos sian identecon.

Ju pli da espaj rokgrupoj naskiĝos, des pli bonaj estos la ŝancoj por ke unu el ili famiĝu mondskale kaj enkonduku espon en la amaskomunikilojn (gazetaron, radio- kaj televidstaciaron, ktp).

Ĉio ĉi tio ampleksigos iom post iom la espan rokmovadon, pliriĉigos la espan kulturon, kaj plijunigos la espmovadon.

Ni atendas vin!



**– Flo!**

NORDIA RENKONTIĜO AŬTUNA
KORNHAUG

**NORDIA RENKONTIĜO AŬTUNA**

Ni ripetos la sukceson de Göteborg! Venu al la Paco-Centro en Kornhaug (apud Lillehammar) kaj partoprenu agrablan semajnfinon kun gejunuloj el diversaj landoj!

Dato: 3a – 5a de septembro 1993
Prezo: ĝis 30.6: 320 NOK, poste 350 NOK
Antaŭpago: 50 NOK al norvega poŝtĝiro 0813 575 3751
Petu aliĝilonĉe: Norvega Junularo Esperantista
Blystadringen 12B
N–2014 BLYSTADLIA, Norvegio

# EN ZOO-ZOO-ĜARDENO

## Parto I

### Kiuj estas pli danĝeraj – krokodiloj aŭ papagoj?

La "papagaj" esperantaj rokbandoj konsistas el neesperantistoj kiuj nur papagkantas esperante. (laŭ EUROKKA)

Kun plezuro mi kunlaborus kun la papagoj, sed... bedaŭrinde, ne eblas kunlabori kun ili, ĉar ili ne parolas sed nur ripetas. Kelkaj el ili estas famaj en sia lando. Multaj el ili eĉ komencis lerni esperanton. Siatempe. Nun ili apenaŭ memoras ĝin. Nur eble du-tri frazojn (la aktiva memorkapacito de ordinara parolanta papago).

Se nur la papagoj povus legi esperante, mi petus ilin pardoni mian akran strofon. Mi eĉ dirus ke mi admiras ilin, precipe tiujn kiuj kapablas parkerigi multajn frazojn. Mi eĉ surgenuiĝus antaŭ tiuj kiuj ne nur kapablas paroli sed ankaŭ kantas. Ĉu ne mirinde – kantantaj papagoj! Interalie, bona propaganda argumento – en Esperantujo fabelo iĝas la realeco! Jen, la ekzemplo – kantantaj papagoj! Certe ili estas utilaj en nia vivo. Ni devas gardi, dorloti, zorgi ilin.

– Ĉu ne tro sarkasme? – demandas vi.

– Jes, eble. Sed mi ne estas ŝatanto de kantantaj papagoj, mi ŝatas kantantajn esperantistojn.

*"Por esti esperanta kantisto, ne sufiĉas nomi sin tia." Nia ensemblo siatempe kantis litove, kartvele, angle, cigane, kaj neniu nomis nin litova aŭ kartvela ensemblo. Laŭ mi papagoj ne rajtas nomiĝi esperanta ensemblo. Klare.*

*Certe iu pravas dirante ke famaj en siaj landoj "papagoj" povas alporti bonan reklamon por esperanto. Mi povas nur aldoni – en la komenco. Poste, kiam ilia interesiĝo al la esperanto-movado velkas, la reklamo iĝas malbona.*

*Ankaŭ veras ke kelkaj "papagoj" simpatias al esperanto, tamen ne havas tempon studi ĝin. Bone. Sed kiulingve ni komunikos?*

Ofte en nia esperantista vivo okazas la situacio kiam homo komencinta lerni esperanton ne ricevas de ĝi tion kion li atendas. Tiam la homo lasas nian movadon. Domaĝe. Se tiu persono estas talenta artisto – duoble, trioble, dekoble pli domaĝe. La papagoj okupas apartan lokon inter tiuj personoj. Ili estas ambiciaj. Ili ŝatas vastan aŭskultantaron. Ili ofte ofendiĝas kiam esperantistoj ne tiel forte aplaŭdas por ili. Ve, ili estas ja nur papagoj. Ĉu la papago povas kompreni nian ĉagrenon kiam ni post ilia perfekta prezento, enkurinta ilian artistan ĉambron komprenas ke ni vidis ne koncerton, sed bone preparitan cirkan numeron kun papagoj. Ho, denove papagoj... – bedaŭras ni. Kial la organizantoj de tiel nomataj koncertoj ne avertas la aŭskultantaron ke okazos cirko, papaga cirko?

– Trompo ĉiam estas danĝera. Des pli kiam homoj sincere kredas ke ĝi estas vero. Pri krokodiloj klaras – ni ĉiuj foje krokodilas depende de situacio, cirkonstancoj, humoro – nenio danĝera.

La papagoj – male. Verdaj laŭ aspekto kaj komplete senkoloraj interne, ili suĉas nian energion kaj kredon. Nigraj truoj de nia movado – 99 okazoj el 100.





## Parto II

### – Ĉu unua hirundo?
### – Ne, unua hirudo.

Estis la unua de novembro 1992 – oficiala malfermo de nia studio. Mi kun Oksana senpacience atendis novan esperanto-muzikan grupon de eks-Sovetio. Jen ili venis kaj... ho ve, kia ĉagreno, ili evidentiĝis papagoj.

Kial ĉi tio okazis? Kial niaj malnovaj amikoj rekomendintaj ilin al ni tiel kruele trompiĝis kaj trompis nin?

Sama, ĉiam la sama situatio. Almenaŭ en eks-Sovetio. Naivaj kaj bonkoraj esperantistoj blindiĝas kiam ili vidas talentajn muzikistojn. Ilia unua penso estas venigi ilin al la movado. Kaj ofte tiuj muzikistoj kaptante allogan odoron de eksterlanda perspektivo fariĝas silkaj, ekstreme obeemaj, kaj faras ĉion eblan por kredigi al siaj instruistoj ke ilia esperanta interesiĝo estas vera kaj profunda.

Ĝuste tio okazis kun niaj unuaj klientoj. Veninte ĉi tien ili tute senhonte konfesis ke ili uzis nin kiel ŝtuparon – por trafi eksterlanden.

Ankaŭ la hirudoj povas esti utilaj. Ekzemple, kiel kuracilo kontraŭ iluzioj.

Povas esti ke mi eraris, misvidinte la hirudon anstataŭ raŭpon kiu post iom da tempo transformiĝos al bela papilio. Sed, bedaŭrinde, mi ne estas botanikisto. Mi estas la organizanto de esperanto-muzika studio kaj ŝatas labori kun esperantistoj.

## Parto III

### Pigokrii signifas averti

Zorge analizante mian poŝton, mi konkludis ankoraŭfoje memorigi vin pri la

**laborkondiĉoj de la studio.**

Mi ofertas nur senpagan registradon, ĉar tio estas mia ĉefa interesiĝo – surbendigi komponaĵojn originale verkitajn en esperanto.

Mi ne okupiĝas pri tio kio preterpasas tiun ĉi interesiĝon: manĝado, loĝado, organizado de koncertaj turneoj, ktp.

La esceptoj validas nur por esperantistoj el eks-Sovetio kaj Afriko. Mi pretas helpi ilin pri loĝado kaj malmultekosta manĝo dum ilia studia laboro.

Mi informas ĉiujn-ĉiujn ankaŭ ke vojaĝ- kaj loĝkostoj facile kovreblas per strata muziklaboro. En Ŝtokholmo strataj muzikistoj salajras proksimule 50 SEK/hore (iom malpli ol $10).

Laste – la studio ĉiam estas funkcianta. Sed mi ŝatas rezervi por mi mem situacion kiam mi laŭ vivkondiĉoj ne povos servi ĝin kiel sonreĝisoro. Ajnokaze vi povas veni kaj registriĝi kun propra reĝisoro.

**Novaĵo (por eviti papagojn).**

Eĉ se via muziko, tekstoj, programo, ktp, estas tre plaĉaj, vi tamen bezonas telefonparoli kun mi aŭ Oksana dum kelkaj sekundoj por trankviligi nin ke vi ne estas papago. Nur post tiu ĉi deviga atesto mi donas definitivan respondon.

### Gravas tekstoj

Kutime junaj verkistoj de kantoj zorgas pri muziko unuavice, nur poste pri tekstoj. Rezulte ni ricevas bonan muzikon kun tute ne komprenebla enhavo.

Domaĝe, ĉar mem la enhavo ofte estas interesa. Feblaj tekstoj, lingvaj eraroj, malklara prononco faras ĝin apenaŭ kaptebla. Pri la prononco eblas labori en la studio – pri la teksta redaktado, ne.

Faru tion hejme. Petu helpon ĉe spertuloj. Se vi ne fidas ilin, skribu al ni. Ni klopodos helpi.

## Nuna situacio

<u>Aparataro</u> (novaj aparatoj estas menciitaj kursive)

1. Miksilo CMC 24 kun enkonstruita komputilo, *Miksilo klavara 16-kanala.*
2. Fostex B-16, Autolocator Fostex 4050.
3. *M 5000 T.C. Elektronik digital audio mainframe, Korg A1,* Maser Room, Roland SRV-2000, Dynacord DDL 12, *Alesis Quadroverb,* Yamaha SPX 90, Boss ME 5, Rockman, Drwmer Dual Gate DS 201.
4. Mikrofonoj: Neumann, AKG, Senheizzer, pluraj aliaj.
5. *DigiTech Vocalist 5VHM.*
6. *Roland W-30,* Korg T3, Roland U-220, Roland RD-1000 digital piano.
7. DDrum, *Midi drum,* Alesis HR 16.
8. *Denon DTR 2000.*
9. Atari 4040 ST, Cubase, *Midex.*

<u>Etoso</u>

Tre ĉarma. Ĉar ĉi-vintre nia studio gastigis multajn esperantajn muzikistojn, inter kiuj troviĝis **Persone**, **Amplifiki**, **Ĵomart** kaj **Nataŝa**, **Mikaelo BRONŜTEJN**, **Mikaelo POVORIN**, multaj el iama Pigaro – **Oksana**, **Vladimir**, **Ella**, **Alisa**, **Olesj**, **Andreo BERCE** kiu pasintjare turneis en Francio kun sia edzino **Natali BERÇE** kaj nun laboras en la studio kiel sonreĝisoro. Ĉiuj havas grandiozajn planojn.



Adreso:
**PIGO-STUDIO**
**Blommenbergv. 178**
**S 126 50 HÄGERSTEN**
**Svedio**
Telefono +46 (8) 18 07 10 (Vladimir kaj Oksana)

**— Sincere via, Pigo.**

# HASTE-KLAĈE

• De februaro 1993, EUROKKA subskribis kontrakton kun AKCP (**AK Creative Planning**) pri malfermo de EUROKKA-agentejo en Yokohama (Japanio) kiu okupiĝas pri perado de *Rok-Gazet'* kaj disvendado de esp-muzikaĵoj de la katalogo de **Vinilkosmo**.

Dum majo, AKCP prezentis kaj vendas vinilkosmaĵojn en japana renkontiĝo tutlanda kun helpo de JEJ (**Japana Esperanto-Junularo**).

AKCP kunlaboras ankaŭ je la realigo de songazeto *Najtingalo*, dissendata en Azio (bedaŭrinde, la redaktejo de *Rok-Gazet'* neniam ricevis ĝin).

*Najtingalo* prezentis **Persone**-n, **Amplifiki**-n, kaj **Solo**-n, kiuj pli kaj pli famiĝas inter japanaj esperantistoj.

La sonstudio de **La Mevo** akiris novan aparataron por plibonigi la eblecojn kaj kvaliton, temas pri diĝita sonmemorigilo, nome ***Digital Performer.*** Vidu la rubrikon **"MIDI-Lando"**, ĉar temas pri **MIDI**-aparato.

Pliaj informoj ĉe:
**AKCP**
**Takao ONO**
**Kazigaya-tyo 43-8**
**Sakae-ku**
**J-247 YOKOHAMA-si**
**Japanio**
**tel. +81 45 894 5339**
**faks. +81 45 894 9145**



• Post la aperigo de kasedo *Vi kuras de vi*, eldonita ĉe **Edistudio** (vidu recenzon en ĉi tiu numero), **Ĵomart AMZEJEV** kaj **Nataŝa GERLAĤ** laboras jam por tria kasedo, kaj intencas partopreni la kulturan programon de la **Sveda Kongreso** kaj la **Kulturan Esperanto-Festivalon** en Kopenhago (Danio).

Kontakto ĉe:
**Ĵomart kaj Nataŝa**
**p/a Vadim AZBEL**
**Hyppingeplan 22 nb**
**S-16 362 SPÅNGA**
**Svedio**
**tel. +46 8 76 11 394**

• En la 14a BEJK (**Brazila Esperanto-Junulara Kongreso**) okazonta dum julio 1993, nia kunlaboranto **Diceu ENEY** prezentos kaj prelegos pri EUROKKA, *Rok-Gazet'*, kaj **Vinilkosmo**. Por kiuj deziras pliajn informojn, kontaktu lin:
**Diceu ENEY**
**rua visconde de Parnaibe 1501- 63, Bl 3**
**BR-03045-001 SÃO PAULO - SP**
**Brazilo**

• ***Euro Pop Book*** estas dikega adresaro (kultura gvidlibro) pri roko kaj popo en Eŭropo.

Ĝi estas la biblio de la rok- kaj popuIoj, kaj de la organizantoj. Ĝi tre utilas dank' al abundaj kontaktoj (20 000) de artistoj, rokgrupoj, amaskomunikiloj, sonstudioj, koncertejoj, organizantoj, diskeldonejoj, ktp. En ĝi troviĝas eĉ EUROKKA, *Rok-Gazet'*, **Vinilkosmo**, kaj **Team'**. Certe venontjare estos en ĝi **Pigo-Studio**, **Team-Sonstudio**, kaj kial ne grupoj kiaj **Persone**, **Kajto**, kaj **Amplifiki**?




Ĝi estas en la franca kaj angla, kaj nepra ilo por kiuj rok/pop-aferumas. Ĝi estas havebla por 320 FRF ĉe:
**CENTRE D'INFORMATION DU ROCK**
**Parc de la Villette**
**211 avenue Jean Jaurès**
**F-75019 PARIS**
**tel. +33 (1) 42 00 12 11**
**faks. +33 (1) 42 00 64 46**

• **Bikini** estas unu el la plej gravaj rokmuzikaj temploj en Francio, kaj eĉ en Eŭropo (vidu *Rok-Gazet'*on n-ro 3). Tie venis kaj koncertis rokbandoj el ĉiuj mondpartoj. **Bikini** estas vera internacia rokscenejo.

**Hervé SANSONETTO**, ĝia rokagema estro, fermis **Bikini**-n dum pluraj monatoj por ĝin renovigi kaj pligrandigi.

La inaŭguro de la remalfermo okazis la 10an de aprilo, kaj la morgaŭan tagon estis senpaga koncerto kun **Zebda** kaj parto de la **Mano Negra**.

Estis sukcesa frenezaĵo, preskaŭ 2 000 personoj ĉeestis la inaŭguron. **Bikini** fariĝas furoraĵo!

La koncertejo aspektas vere moderna kaj multe pli spachava ol antaŭe – tre bongusta!

Nepre vizitenda loko!

Sendu gratulojn al:
**BIKINI**
**Hervé SANSONETTO**
**54 chemin des Étroits**
**F-31400 TOULOUSE**
**tel. +33 61 55 00 29**



• **Solo**, la etno-popa unupersona grupo estas pretiganta novan albumon, kiu eble estos surbendigita en **Pigo-Studio** en Stokholmo.

Tamen, verŝajne ĝi ne estos preta por la **Universala Kongreso** okazonta en **València** (Hispana Ŝtato), kie **Solo** koncertos.

Restas nur kelkaj lastaj diskegoj (*Kosmo-Infano*), kiuj rapide elĉerpiĝos dum tiu UK.

**Solo** planas koncerti irante al Stokholmo por la surbendigo. Invitu lin por koncertovespero en via urbo!

Sendu proponojn al:

**SOLO**
**Eduardo VARGAS GUTIERREZ**
**Calle Ayala 3**
**E-29002 MALAGA**
**Hispanio**
**tel. +34 52 34 32 96**

• *Prima des las Lengas* ("Printempo de Lingvoj", prononcu [primo de laz lengos]) estis granda festo kiu okazis de la 20a de marto ĝis la 3a de aprilo 1993 en **Tuluzo** (suda Francio, t.e. **Okcitanio**). Ĝin partoprenis la esperantistoj pere de la tuluza **Esperanto-Kultur-Centro (EKC)**, kiu organizis ekspoziciojn, televidan debaton ĉe loka televida stacio, kaj forumdebaton kun **Claude PIRON**, **Jacme TAUPIAC**, **Martin HAASE**, kaj aliaj prelegantoj.

La fina festotago, la 3an de aprilo, prezentis grandan ekspozicion pri ĉiuj lingvoj partoprenantaj la feston, kaj diversajn spektaklojn, inter ili la **Rozmariaj Beboj**. La rezulto de tiu festo estis sufiĉe pozitiva, krom laŭ financa vidpunkto. Tamen, la sperto estis bonega, kaj jam de nun la organiza laboro por la venontjara *Prima de las Lengas* komenciĝis. Ĝi estos pli grava, kun pli da partoprenantoj, ĉefe kun la kunlaboro de la okcitanistoj kaj esperantistoj.

Sugestoj, proponoj, kaj aliaĵoj bonvenas ĉe:

**ESPERANTO-KULTUR-CENTRO**
**1 rue Jean Aillet**
**F-31000 TOULOUSE**
**Francio**
**tel. +33 61 25 55 77**

• **Kultura Esperanto-Festivalo** (KEF) helpe de TEJO pretigas kulturan adresaron, minejon da interesaj kontaktoj kiuj tre utilos por la organizantoj, asocioj, kaj artistoj en la esp-movado.

Estonte, TEJO mem devus eldoni kompletan kultur-gvidilon helpe de KEF, EUROKKA, kaj ĉiuj esp-kulturaj organizaĵoj kaj asocioj (muziko, teatro, pupteatro, diskeldonejoj, ktp). Io iom kia la *Euro Pop Book* por la esp-movado, kiu instigus kaj faciligus la organizadon kaj la interŝanĝojn de esp-kultur-aranĝoj. Kiuj ne povos partopreni KEFon, povos peti de TEJO tiun kulturgvidlibreton.

• **Alia sonstudio funkcias por esp-artistoj. Team'** havas propran sonstudion profesie ekipitan kun multaj eblecoj por surbendigi alt-kvalite diskon, kasedon, aŭ k-diskon. Ĝi estas malferma al ĉiuj esp-muzikgrupoj je tre favoraj kondiĉoj. Vidu la intervjuon de **Team'** en tiu ĉi numero.

Por pliaj informoj pri la studio kaj surbendig-kondiĉoj, kontaktu:

**Stano MARĈEK**
**Zvolenská 15**
**CS-036 01 MARTIN**
**Slovakio**
**tel./faks. +42 842 37 145**

## • Kion faras do FONSECA?

"Dum iom longa tempo mi silentis, sed multe laboris. Mi kune kun kelkaj geamikoj fondis firmaon por arta produktado, ĉefe muzika, kiu nomiĝas **Pique-Pega**. Komence ni gvidis radio-programon porinfanan, por kiu ni verkis, **MIDIe** aranĝis, kaj studie surbendigis kanzonojn po unu por ĉiu programo, po du programoj en ĉiu semajno. Poste ni eldonis kasedon enhavantan la kanzonaron de la programoj, kiu bone vendiĝas. Tiu verko estas portugallingva; eble malfacile tradukebla E-en, ĉar multaj kanzonoj temas pri malfacilaĵoj de mia nacia lingvo, celante liveri praktikilon al la infanoj.

**Pique-Pega** estas nomo de infana kurludo. Tamen, la firmao ne okupiĝas nur pri porinfanaj produktaĵoj. Antaŭnelonge mi koncertis en unu el la plej grandaj kaj elstaraj teatroj de Brasília, kun akompano de malgranda orkestro (19 muzikistoj — arĉoj, blovinstrumentoj, voĉoj, kaj bazo: drumo, baso, piano, ktp). La reklamado estis tre trafa, per anoncoj en ĉiuj jurnaloj, televid- kaj radiostacioj de la urbo, krom afiŝoj kaj flugfolioj, kaj granda publiko plenigis la teatron. Baldaŭ ni lanĉos video-bendon de la koncerto — kaj tiun ni intencas esperantigi duble (la parolojn, ne la kantojn) aŭ per literstrio. La repertuaro de la koncerto (kies nomo estas *Sol* — t.e. "Suno") estas la fundamento el kiu mi ĉerpos la erojn de mia baldaŭ registrota kompakt-disko. Ankaŭ tiun diskon mi volas esperantigi (nun la kantojn), laŭ ekzemplo de *Aerlumo*.

Kompreneble ĉiuj planoj dependas de monrimedoj, ĉefe en malriĉa lando kiel Brazilo. Feliĉe, manko de mono ne signifas manko de kulturo kaj kreivo, kuraĝo kaj persisto...!"

**— El letero de: Flávio FONSECA**

Lia adreso:

**Flávio FONSECA**
**Caixa Postal 3532**
**BR-70084-970 BRASILIA - DF**
**Brazilo**

• **Stefano** lernas espon sukcese de ses monatoj ĉe **EKC** en **Tuluzo**. Sed li ne nur espumas, li ankaŭ rokmuzikas kiel basgitaristo kaj kantisto en la rokbando **Noisy Neighbors** ("Bruemaj Najbaroj"). Ilia rokstilo proksimiĝas al poproko kun tre rokeca gitarludo, kaj la kantoj estas ĉefe en la angla.

La bando pretigis demo-kasedon dum sursceneja koncerto en **La Voie 12** en Tuluzo. Sed ĉisomere ili denove surbendigos sian kvartitolan demon en profesia 24-traka sonstudio sub la protekta flugilo de **Alain FAUBERT**, fama tuluza rokmuzikisto.

Niaj **Bruemaj Najbaroj** profitos la okazon por surbendigi espan titolon por la kompilaĵo kiun **Vinilkosmo** planas produkti.

Ĉu baldaŭ naskiĝos nova espa rokbando iom kia la **Rozmariaj Beboj**? Kiu scias? Petu de ili !

**Stephan BERTHOLIO**
**6 passage des Frênes**
**F-31240 SAINT JEAN**
**Francio**
**tel. +33 61 74 13 71**

• **500 kasedoj dum unu jaro** estis disvenditaj! Tiun suk-ce-son atin-gis **Anna LASZAY**, alinome **Anjo Amika** kun sia kasedo *Por vidi la mondon*, debutinta antaŭ la internacia publiko dum la viena UK. En esp-medio, 500 kasedoj disvendiĝas kutime en 2-5 jaroj, sed la bela voĉo de Anjo, la agrablaj melodioj rezultis la aĉeton de ĉiuj 500 kasedoj dum unu jaro, ĉefe post ŝiaj koncertoj en diversaj esp-aranĝoj.




Pro la daŭra mendado, la eldonejo decidis eldoni duan serion, do la kasedo ankaŭ estonte estos havebla. Kontakt-adreso de la kantistino:

**Anna LASZAY**
**Öv u. 101**
**H-1141 BUDAPEST**
**Hungario**

Laŭ *Eventoj* n-ro 0029.

• La 17-an de decembro 1992 en **Muzika Akademio Sofio** oni festis la 90-jariĝon de la mondfama bulgara folkloristo, muzikisto, kaj esperantologo, **Stojan Stoev ĜUĜEV**.

Partoprenis la feston profesoroj, docentoj, muzik-studentoj, kaj esperantistoj de Sofio kaj aliaj urboj en Bulgario.

Festparolis eminentaj folkloristoj kaj muzikologoj. Pri la esperantoagado parolis prof. **D. TERZIEV** de la **Internacia Esperanto-Horo**.



# FANTAZIO

Registaro ĵus voĉdonis novan leĝon: rokmuziko iĝu kontraŭleĝa!

Kia tegolo! Mi estas rokmuzikisto.... Kaj nur tio! Imagu! Laŭ novaj studoj de psikoteknikista stabo (certe varbita de la ŝtato), rokmuziko frenezigus la homaron! Fakte la Vero estas ke ĝi liberigas la menson, sed ĝuste tion regantoj ne ŝatas! Ju pli stulta estos la homaro, des pli facile ili ĝin mastros. Sed tio ja estas ŝtatsekreto.

Jam oni arestis multajn rokstelojn. Publiko manifestaciis kontraŭ tio, sed tuj polico intervenis kaj uzis larmigajn gasojn kaj matrakojn.

Dum la morgaŭa tago jam barikadoj leviĝis kaj kokteloj forbrulis. Polico ne sufiĉis plu kaj la armeon oni vokis. Militistoj obeis. Ĉarojn fuĝis la barikadoj. Manifestantojn postkuris Morto kiel rabobirdo. Rokmuzikaj diskovendejoj estis perforte fermitaj. Pliaj plimalpli konataj rokmuzikistoj enkarcerigitaj. Kaj multaj rokemuloj matrakitaj, malliberigitaj, eĉ batmortigitaj.

Kaj ĉiun novan tagon la registara pozicio drastiĝas. Sufiĉas apenaŭ mieni kiel rokemulo kaj, jen, fipolicisto demandas vin pri paperoj! Sed simple similu al rokemulo kaj tuj vi estos arestita kaj sinsekve oni forprenos viajn rokmuzikajn registraĵojn. Se ili trovas nenion similanta rokmuzikon en via hejmo, tiam vi havos ŝancon esti rapide liberigita.

Sed se plenan kolekton da rokmuzikaĵoj troviĝas ĉe vi tiam pli bone ne falu inter iliaj manoj.

Jen en kiu ĥaoso mi troviĝas. Ja ŝajnis al mi ke restis metebla kostumo en ŝranko mia... Ĉu ankoraŭ? Jes jen ĝi! Dank' al ĝi mi devus eskapi la novan inkvizicion. Kaj trovi laboron kiu permesos al mi pluvivi, atendante pli roktoleremajn tagojn.

Alia tedaĵo jam tuj atendas min: necesos ja ke mi diru al mia dungonto kiujn laboron kaj postenon mi havis ĝis nun kaj kial nun ne plu!

Kaj precipe nun kiam multaj rokuloj verŝajne serĉos laboron, same kiel mi, por protekti sin de furioze diktatora registaro.

Krome mi devos ankaŭ transloĝiĝi kaj trovi novan identecon: efiktive mi nun memoras ke polico ja jam havas la elementojn en siaj sliparoj, por aresti min; nur sufiĉas ke ili retrovu!



•

Finfine, mi bone sukcesis: post plenlabora tago da traserĉoj kaj aliaj klopodoj mi sukcesis unue ne plu aspekti eĉ kiel plej milda rokemulo, due diskrete forĵeti ĉiujn miajn rokajn vestojn, tio estas praktike ĉiujn miajn vestaĵojn, trie, kaj tio penegis min, malaperigi ĉiujn rokmuzikaĵojn, kaj pli grave, muzikilojn!

Kvare mi sukcesis trovi novan identecon, kun koncernaj paperoj kaj kvine, finfine, trovi laboron. Mankas plu nur trovi novan loĝejon! Sed ĉi vespere jam estas tro malfrue por tio... Mi dormu.

•

Frumatene batas ĉe l' pordo!

– Pri kio temas? – Petas mi nacilingve.

– Sinjoro Miĥail Roksmith? Malfermu rapide!

Al tiu proksimuma esperanto mi stulte respondas samlingve:

–Jes, momenton! – Mi surmetas ĉambroveston kaj rapide malfermas.

Kia surprizo! Armeo da policistoj envenas mian loĝejon, enpuŝante min kaj demandas nacilingve:

–Vi ja estas sinjoro Miĥail Yentchang Azulbwana Roksmith?

Tiam mi decidas provi la tuton por la tuto! Provi mian novan identecon:

–Ne, bedaŭrinde li estas for! Li ludonis al mi sian loĝejon por la du venontaj semajnoj: mi ĵus trovis laboron en tiu ĉi urbo kaj serĉas alian loĝejon. Mi estas Sergej Krustetoj. Sergej Supojecepoj Kajpan Krustetoj.

–PAPEROJN! Blekas iu blekulo similante ĉefon.... Cetere li ŝajne tio estas! Kaj estras!

–Permesu.... Mi deprenas mian tute novan burokratan kostuman jakon de sur la seĝa dorsapogilo kaj eltiras el ĝi plej burokratostilan paperujon! Kiun mi transdonas al la blekulo, antaŭ ol li surdigos min.

Post momentego dum kiu li mienas funde ekzameni miajn paperojn, li finfine relevas la kapon kaj murmuras, ĉiam nacilingve:

–Laŭ tiuj paperoj vi efektive estas sinjoro Krustetoj! Bedaŭrinde por vi, ili verŝajne estas falsaj, ĉar mi havas ĉi tie oficialajn dokumentojn kun viaj fotoj kaj fingrospuroj kiuj atestas ke vi ja estas Miĥail Yentchang Azulbwana Roksmith, tre aktiva esperantisto! Kiu ajn vi estu, vi respondis al mi esperante kaj estas do arestenda: same kiel rokmuziko, esperanto estas freneziga subversivaĵo kaj ĝi detruendas same kiel ĉiuj kiuj parolas ĝin.

Kaj tiam li reeblekis:

–Uloj, arestu lin!

•

Kelkajn matenetojn poste mi havis la grandan ĝojon lin revidi. Same kiel mi li staris, manojn ligitajn malantaŭ la dorso, antaŭ nigra alta malvarma muro. Antaŭ ni fronte staris vico da uniformoj kaj alia blekulo. Kaj kiel komencis lia blekado, tie finiĝis mia historio.

– Bertrando ALBAULT

# Anoncoj

- **GRANDA BALO DE EŬROPO**

Por la kvara sinsekva jaro la **Eŭropa Asocio de Enamiĝintoj al Tradiciaj Dancoj** organizas unu el la grandaj someraj rendevuoj por dancantoj en Eŭropo: **"La Granda Balo de Eŭropo"**.

De la 15a ĝis la 19a de julio, pli ol 1 500 personoj el tuta Eŭropo (40% da eksterlandanoj en 1992) venos al **Gennetines** (Francio) por lerni popolajn dancojn.

Tie eblos malkovri, lerni, kaj danci plejmulton el eŭropaj popolaj dancoj dum la tago, kaj okazos po tri baloj ĉiuvespere. Eĉ rokdancado estas en la programo, sed noteblas pli ol 24 grupoj el tuta Eŭropo kaj eĉ de ekstere, ekz-e **French Alligators** kun kaĵunaj dancoj (vidu *Rok-Gazet'*on n-ro 3, pĝ 23) el Luiziano, kaj **Howat Tarab El Araby et Laïla** kun orientaj dancoj.

Loka kuirarto, debatoj, demonstroj, libroservoj, kaj ekspozicioj kompletigos la tuton.

Jen interesa rendevuo por ĉiuj dancantoj, dancistoj, kaj espovarbantoj, ĉefe ke la **Granda Balo** plilongiĝos ĝis la 25a de julio 1993.

Ni mem provos tie teni standon, ĉu far EUROKKA, ĉu far JEFO....

Petu informojn perletere al:

**A.E.A.D.T.**
**Les Gauthiers**
**F-03400 GENNETINES**



aŭ pertelefone al:
**B. COCLET**
**+33 70 42 13 33.**

- **KVARA KEF**

Por la unua fojo la **Kultura Esperanto-Festivalo** okazos ekster Svedio, nome en Kopenhago. Ne plu necesas prezenti tiun faman someran aranĝon, ĉiuj ja konas ĝin! Sed ĉi-jare ĝi celas esti la plej eksploda festivalo en Esperantujo!

Pliajn informojn kaj aliĝilojn:

**KEF-4**
**Jacob NORDFALK**
**Nørre Allé 75, vær. 571**
**DK-2100 KØBENHAVN-Ø**
**Danio**

- **MUZIKA GAZETO EL ĈINIO**

**Muzika Mondo** estas nova espogazeto redaktita de 46jaraĝa instruisto pri muziko:

**s-ro YANG Haichun**
**Meikuang 16 zhongxue**
**Bagongshan, Huainan shi**
**CN-232072 YOUBIAN, Anhui Sheng**
**Ĉinio**

*Rok-Gazet'* deziras grandan sukceson al *Muzika Mondo*.

- **IMAGU !**

En la katalogo de ELNA oni malkovris tre interesan kasedon: *Imagu*, de **John DOUGLAS**.

Kasedo entenanta 12 bone konatajn baladojn inter kiuj tradukoj de *"Bridge over Troubled Water"* ("Ponto trans malklara akvo"), *"Yesterday"* ("Hieraŭ" de **Beatles**), *"Imagine"* ("Imagu" de **John LENNON**), ktp (bedaŭrinde, la katalogo ne diras pli, krom ke ĝi aperis en 1988 en Anglio).

Kasedo kaj tekstoj: IMA001 – 9.95 USD, mendebla ĉe:

**ELNA Audio/Video**
**11905 SW Settler Way**
**USA-97005 BEAVERTON - OR**
**Usono**



# Radioj

- Dank' al la agado de **Gérard COULON**, **Radio MDM** (101,1 Mhz en Mont de Marsan, Francio) konsentis aranĝi elsendon dum unu semajno komence de decembro. Se estos multaj reagoj, Gérard eble sukcesos planigi novajn elsendojn en tiu radio....

**Gérard COULON**
**Maison Patut**
**F-40320 BUANES**
**Francio**



- **RADIO DÉCIBEL**

Ek de 1985 naskiĝis radio en karcera medio: **Radio Décibel**.

Sesdek kunlaborantoj realigas kaj vivigas diversajn elsendojn ĉiutage.

Ĝi havas ekipitan studion sed tamen ne sufiĉan sonmaterialon pro manko de rimedoj. Tial Ili petis nian helpon por havigi al ili sonmaterialon.

**RADIO DÉCIBEL**
**Maison d'arrêt de Fleury-Mérogis**
**F-91705 SAINTE GENEVIEVE DES BOIS**
**Francio**

- **POLA RADIO**

Mendu foliojn por *Koncerto kun Bondeziroj* de

**Pola Radio**
**Eperanto-Redakcio**
**Boks 46**
**PL-00 950 VARSOVIO**
**Polio**




Por apogi ilin. Partopreno estas senpaga!



# ROKMUZIKA RETO

*Jen pliaj adresoj kaj informoj por la espa **Rokmuzika Reto**. En ĝi vi retrovos jam aperintajn en **Rok-Gazet'** nur kiam plio koncernas ilin.*

*Sekve al plendoj de nia legantaro ni pensis ke plej bona solvo por estonte tion eviti estu ke niaj karaj korespondantoj menciu kiam ili ne deziras aperi en la reto aŭ kiam ili ne deziras ke ni aperigu tuton aŭ parton de ilia letero en **Rok-Gazet'**. Antaŭdankon al ĉiuj.*

• En sia disko *Blood and Chocolate*, **Elvis COSTELLO** uzas kelkajn vortojn en espo. Tion skribas al ni nia amiko

**Georgo CSÜLLÖG**
**Mikszáth Kálmán 31**
**H-5530 VÉSTÖ**
**Hungario**

La disko de Elvis troveblas ĉe:

**ATLANTIS**
**Grillparzerstraße 2-4**
**A-1010 WIEN 1**
**Aŭstrio**

• Li daŭre utiligas sian tutan tempon verki favore al espo, sed ankoraŭ ne scias kiam eliros lia libro:

**Alain MARTELLI**
**"La Cerise"**
**F-06830 TOUDON**
**Francio**

• **ANCXJO** komunikas al ni sian korektan adreson kaj klopodas subteni *Rok-Gazet'*on en Portugalio:

**António MARTINS**
**Rua Coronel Marques Leitão 27 3 esq.**
**P-1700 LISBOA**
**Portugalio**

• **Brigitte VINCENT** elsendis kurson de espo sur la ondoj de la nacia franca radio **France-Inter**. Ŝi ŝatus daŭrigi tion sed necesas konvinki la radio-estraron pri la utileco kaj aŭskultateco de tiaj elsendoj! Por subteni Brigitte VINCENT ekzistas tri eblecoj:

1. Sendi poŝtkarton al jurnalistino de *Liberation*:

**Chantal HERRMANN**
**abs de *Liberation***
**11 rue Béranger**
**F-75154 PARIS CÉDEX 03**
**Francio**

2. Sendi poŝtkarton rekte al **France-Inter:**

**FRANCE-INTER**
**abs de MAISON DE RADIO-FRANCE**
**Brigitte VINCENT**
**116 avenue du Président Kennedy**
**F-75786 PARIS CÉDEX 16**
**Francio**

3. Sendi samtempe poŝtkartojn al ambaŭ adresoj....

• Kiel redaktoroj de *Forumo*, organo de LSG, ni gratulas la teamon de EUROKKA, kiu tiom pozitive, profesie, kaj apartstile laboras. Ankaŭ ni ŝatus deziri al ĝi plenan sukceson en 1993:

**Jean Christophe SOMER & Bert BONVENDEERO**
**Kasteelstraat 5**
**B-2000 ANTWERPEN**
**Belgio**




• **Feliĉan novan jaron!!!**

**Can ZAMUR**
**Yeldeğirmeni Sok Tamer, Apt N 10**
**TR-81320 KADIKÖY / IST**
**Turkio**

• **Claudine** adoptis trimonatan knabeton el Hanojo, **Florent**, dank' al espo. Sinjoro **DANG Dinh Dam** maksimume helpis ŝin, bonvole. Li faris al ŝi la plej belan donacon el la mondo: infanon. Danke ŝi ŝatus realigi lia revon: viziti Francion:

**Mme Claudine DUCHATEAU**
**1423 rue de l'Étang**
**F-59850 NIEPPE**
**Francio**

**DANG Dinh Dam**
**VDEA sekretario**
**105A str. Quan Thanh,**
**HANOJO**
**Vietnama S.R.**

• **Juozas** ĉiam pli rokmuzike bondeziras:

**Juozas ABRAMAVICIUS**
**Topoliu 4-41**
**LT-4580 ALYTUS 3**
**Litovio**

• Bonfarton, sukcesojn en via agado, ĉion bonan, kaj longan vivon al *Rok-Gazet'*...:

**Mikaelo-Marko SOKOLESKU**
**Domaro 2a, apartamento 7a**
**R-6611 VIKTORJA**
**Rumanio**

• Li vigle subtenas *Rok-Gazet'*on

**R. PERDRAUX**
**22 rue Honoré Vinson**
**F-33500 LIBOURNE**
**Francio**

• Dekjara **Sidrit** serĉas pianon, eĉ malnovan, por trejni:

**Sidrit TUSHA**
**L14 Rrg Arkitekt Kasemi**
**P.71-3-42**
**TIRANE**
**Albanio**

• **Veronik'** nun estas en "reeduka centro" post kirurgia operacio. Ŝi tre ŝatus ricevi poŝtkartojn de vi:

**Véronique CORDONNIER**
**C.R.N.R.F., Route de Liverdy**
**COUBERT**
**F-77170 BRIE COMTE ROBERT**
**Francio**

• *Les Enfants du Silence* ("La infanoj de silento") estas rokfangazeto en la franca, kies ĉefredaktisto eklernas espon sola pere de lernolibro. Li bezonas helpon, konsilojn, kaj kuraĝigon. Se vi loĝas en ne tro fora urbo, kontaktu lin urĝe:

**Erik BONNET**
**BP 420**
**F-57140 WOIPPY**
**Francio**



# LA PLEJ NOVAJ ALBUMOJ

troviĝas ĉe Vinilkosmo

**Ili aperas laŭ la jenaj referencoj:**




VKKD-6 **Rozmariaj Beboj:** *Malin Plaisir* ("Petola plezuro")




VKK-16
**Ĵomart kaj Nataŝa:** *Vi kuras de vi*




VKK-17 **La Mevo:** *Vizaĝoj*




# ABONU!

## Rok-Gazet'-abonilo

EUROKKA Esperanto-Rok-Asocio
F-31450 DONNEVILLE
Francio
tel. +33 61 81 95 65

Abono kostas 100 FRF, 35 NLG, aŭ 26 IRKP (13 USD por netranspagpovilandoj), kaj validas por 4 numeroj.

Familia nomo: ________________

Persona nomo: ________________

Asocio: ________________

Adreso: ________________
________________
________________

Telefono/fakso: ________________

- ☐ Mi deziras aboni ekde n-ro: 1☐ 2☐ 3☐ 4☐ 5☐ 6☐
- ☐ Mi deziras ricevi la numerojn: 1☐ 2☐ 3☐ 4☐ 5☐ (po 25 FRF, 8,75 NLG, 7 IRKP).
- ☐ Mi deziras reaboni *Rok-Gazet'*on.
- ☐ Mi sendas 100 FRF per ĉeko aŭ poŝtmandato (nur por Francio).
- ☐ Mi sendas 35 NLG aŭ egalvaloron per internacia poŝtmandato al EUROKKA.
- ☐ Mi pagas 35 NLG per UEA-konto al EUROKKA, UEA-kodo **rokk-b**.
- ☐ Mi pagas 35 NLG (aŭ 13 USD por netranspagipovaj landoj) al la peranto de *Rok-Gazet'* aŭ al la esperanto-asocio de mia lando.
- ☐ Mi sendas 26 IRKPojn (internaciajn respondkuponojn) al EUROKKA.

Dato kaj subskribo:

PRESEJO "CRYSTAL CREATION" - F 31450 DEYME - Tel +33 - 61 81 59 77 - FAKS: +33 - 61 81 46 21